# ESPERANTO

**Internacia Revuo eldonata de Universala Esperanto-Asocio**

Fondinto : H. Hodler.
Redaktoro : D-ro Edm. Privat.
Direktoro de UEA : Hans Jakob.

**Adreso : 1, Tour de l'Ile, 1**
**GENÈVE, Svislando**

**ENHAVO :**



**XXIX-a Jaro N° 395**

**JULIO 1933**

## Retrovita unueco

La esperantistaro sciiĝis kun plezuro, ke ĝiaj gvidantoj decidis fini sian organizan diskuton kaj trovis bazon de interkonsento, kiu antaŭvidas pli da unueco sed ne detruas tion, kio solide jam ekzistas kaj funkcias.

Laŭ la nova projekto UEA fariĝas la tutmonda organizo de la movado kaj la naciaj societoj povos aliĝi al nia Universala Asocio kun sia tuta membraro per kontraktoj.

Tio estas saĝa vojo kaj eĉ simpligo kompare al la kontrakto de Helsinki, ĉar la rilatoj estos rektaj inter UEA kaj la naciaj organizoj. Kiel ĉiu aranĝo en la mondo, tiu nova sistemo valoros laŭ la bonvolo montrota en ĝia funkciado.

Ne la formo gravas, sed la enhavo. UEA certe ne klopodis — eĉ ne deziris — preni sur siajn ŝultrojn la respondecon pri la tuta movado kaj pri la kongresoj. Volonte ĝi estus restinta sendependa kaj kontenta pri ŝia ĝisnuna rolo, sed ĝi ankaŭ ne povis malaŭskulti aŭ malvidi la kreskantan deziron al unuecigo.

Jam de pluraj jaroj venis proponoj por komuna kotizo kaj pro tio estis kreita komisiono kun tasko esplori la eblecojn. Kiam oni tro malproksimiĝis de la realaj faktoj oni ekfalis en ĥaoson. Kiam oni revenis al ili, oni baldaŭ retrovis eblecon de interkonsento praktika.

Ni volas esperi, ke la solvo sukcesos alporti al Esperanto veran helpon kaj antaŭenpuŝon kaj ke oni ne perdos pluan jaron per diskutado de regularoj. Tiu malsano infaneca devos malaperi, se nia movado volas progresi pli grandskale.

Politikado kaj partia spirito estas aferoj tro multekostaj por ni. Esperantistaj gvidantoj ne havas la rimedojn samtempe polemiki kaj disvastigi la uzadon de nia lingvo. Ankaŭ silentigan kaj ordoneman diktatorecon nia movado ne povas pagi al si. La ŝtata potenco mankas por tio kaj ankaŭ la emo ĉe tre diversaj elementoj. La sola ebleco estas la kunlaborado de la bonvoloj kun la helpo de konstrua kaj libera konsilado.

Grandajn antaŭpaŝojn nia movado faris dum la jaroj kiam niaj kongresoj kaj kunvenoj forturniĝis de bagatelaj internaĵoj kaj sin dediĉis entute al la vera celo de nia afero. Kiam temos, ne pri gajno aŭ malgajno de tiu aŭ alia tendenco aŭ persono, sed pri enkonduko de Esperanto en tiun aŭ alian novan kampon de uzado internacia, tiam revekiĝos entuziasmoj, remalfermiĝos borsoj, eĉ malriĉaj, aliĝos novaj amikoj, revenos malnovaj kaj eĉ reviviĝos mortintoj.

La Esperantistaro donacu al si kvin jarojn sen organizaj diskutoj kaj ĝia laboro denove trudos sin al atento de l'mondo. Iru al diablo ĉiuj malspritaj distingoj pri « oficiala » aŭ « neoficiala » kaj regu nur la entreprenemo por la afero mem ! Tiam rekreskos la flugiloj de facila vento.

Edmond Privat.

# Universala Esperanto-Asocio

**La jaro 1932. — Financoj. — Servoj. — La jaro 1933. — UEA kaj la Organizo. — Diversaĵoj.**

Jaro de plej granda streĉo, morala kaj materia, tiel restos 1932 en la memoro. Kun grandega zorgo la estraro de UEA preparis ĉion, esploris budĝeton, defendis ĝin dum la daŭro de la jaro kaj kun ero de interna kontentiĝo ni povis diri dum la bilanco, ke la rezultato povis esti ankoraŭ pli malbona. Daŭris la malhelpoj kaj eĉ kreskis dum la raporta periodo.

Antaŭ ol ni komencas ion diri pri la jaro 1932 ni precizigas, kial ni raportas nur nun. La okazintaĵoj en Parizo 1932, la rezultiĝinta neceso defendi la principojn de UEA, devigis dediĉi pli grandan atenton al tiuj aferoj sekve ankaŭ pli da spaco en ESPERANTO al organizaj demandoj. Aliflanke mankis al la raportanto la necesa tempo, prilabori apud la laboroj kurantaj, raporton. Dum la kunveno de la komisiono, pasko 1933, ĝi konfirmis tiun neeblecon, konstateblan laŭ la dokumentoj. Pro ŝparo ĝi decidis, ke la *Jara raporto* 1932 estu kiom eble plej konciza kaj aperu en la revuo. La sama teksto servos por la kongreso.

## I. FINANCOJ.

La bilanco aperis kiel kutime en ESPERANTO n-ro 389, Januaro 1933. Kun plezuro ni povas konstati, ke la budĝeto proponita por 1932 povis esti efektivigita, sen la tradicia transpaso, kaj malgraŭ la multe pli grandaj bezonoj en iuj rubrikoj. Kontraŭe ni povis serioze malaltigi certajn kostojn inter ili la SALAJROJN je 12.50% de la budĝeto normala. La jena tabelo montras la diferencon de la akceptita budĝeto kaj de la efektiva elspezo, kresko kaj malkresko.

| Rubriko | Budĝeto 1932 | Efektive : | Malkresko-Kresko kontraŭ la budĝeto | |
|---|---|---|---|---|
| Salajroj ......... | 24.000.— | 20.821,25 | 3.178,75 | |
| Oficejo ......... | 4.000.— | 3.600,15 | 399,85 | |
| Revuo ......... | 15.000.— | 14.782,70 | 217,30 | |
| Jarlibro ......... | 8.500.— | 7.110.— | 1.390.— | |
| Afranko I. ....... | 3.000.— | 4.087,95 | | 1.087,95 |
| Afranko II. ....... | 2.500.— | 3.336,06 | — | 836,06 |
| Presaĵoj ......... | 2.000.— | 1.526,45 | 473,55 | |
| Materialo ......... | 1.000.— | 1.538,08 | | 538,08 |
| Premioj MS ..... | 2.000.— | 2.909,45 | | 909,45 |
| Premioj Fr. ..... | 2.000.— | 2.825,65 | | 825,65 |
| ICK. Subteno .... | 2.500.— | 2.500.— | | |
| Tel. Tel. ......... | 200.— | 450.— | | 250.— |
| Vojaĝoj ......... | 1.000.— | 840.— | 160.— | |
| Impostoj ......... | 400.— | 305,05 | 94,95 | |
| Biblioteko ......... | 300.— | 216,96 | 83,04 | |
| Ilaro ......... | 400.— | 510,40 | | 110,40 |
| Propagando ..... | 1.000.— | 1.306.— | | 306.— |
| Amortizo ......... | 500.— | — | 500.— | |
| Pag. Interezoj .... | 1.200.— | 1.200.— | | |
| Div. elspezoj ..... | 1.000.— | 1.341,95 | | 341,95 |
| Budĝeto 1932 .... | 72.500.— | | | |
| Elspezoj efektivaj | | 71.208,10 | | |
| Malpli-elspezo .... | | | 6.497,44 | |
| Pli-elspezo ....... | | | | 5.205,54 |
| Saldo ......... | | 1.291,90 | | 1.291,90 |
| Sumoj ......... | 72.500.— | 72.500.— | 6.497,44 | 6.497,44 |

Je tiuj komparaj ciferoj ni rimarkigas, ke ni certe estus povintaj realigi pliajn ŝparojn, sed intervenis aro da faktoj, kiuj malebligis tiun intencon. Unue ni devis admoni pli ofte por repagigi la kotizojn, due ni bezonis pli multe da premioj, ol ni antaŭvidis. Estas do tiuj du rubrikoj kiuj postulis la plej grandan plikoston : La afranko, tiu ĉi eterna zorginfano de ĉiu internacie laboranta organizaĵo, kaj la premioj.

La kruda perdo atingis en 1932 la sumon de 10.207,84, al kio devas esti kalkulata ankoraŭ la senpagaj kotizoj kaj eksterbudĝeta amortizo de papero tiel ke la kruda perdo sumis 11.985.— Fr. Tion ni povis redukti ĝis Frk. 3.542.— neta perdo, per la kutima alpago de 3.500.— Frk., la monkolekto kiu rezultigis 2.547,23 kaj la gajno el servoj k.t.p. kun sumo de 2.395,77.

Esplorante la *enspezojn*, ni konstatas la laŭgradan malkreskon de la enspezoj, sekve de la katastrofa kurzfalo. La nombro de la kotizoj mem, ne multe malgrandiĝis kontraŭ 1931 (pagis 8,620 en 1931 kaj 8,398 en 1932 sekve malkresko 222).

Kalkulante la mezan kotizon je 6.95 ni atingus (6.95 = 222) ĉ. 1.500 Frk. da perdo, pro la NOMBRA malkresko. Sed pli forta estas la perdo pro la sekvo de la kurzfalo. La Jarlibro 1933 enhavas tabelon de la meza kotizo por la jaroj 1920 ĝis 1932. El tiu ĉi tabelo la evoluo de la financoj de UEA estas konstatebla.

Atentinda estas jenaj faktoj :

1. La *malalta* kotizo, tiom arde postulata de kelkaj samideanoj tute ne posedas la altirpovon supozitan. De la jaro 1922, do de 11 jaroj, ni posedas la kategorion de helpmembroj, kategorio konsiderita por malriĉaj esperantistoj kaj familianoj. Nu, tiu ĉi kategorio depost 1922 nur povis kreski al 170 anoj, kun suma valoro de Frk. 257,45.

La konkludo estas simpla : La esperantistoj, kiuj pagas kotizon deziras ankaŭ ion ricevi kaj sekve preferas pagi iom pli multe por esti membro aŭ membro-abonanto.

2. Metode kreskas la kategorio de la *membroj*, kiu de 1.055 en la jaro 1920 venis ĝis 3.027 en 1932. La kresko kompare al la jaro 1931 kun 2.789 al 3.027 en 1932 estas preskaŭ 9 %.

Laŭmone la kresko de tiu ĉi kategorio estas ĉiam pli atentinda ĝi estas preskaŭ samalta kiel tiu de la Subtenantoj.

3. Malkreskis denove la kategorio de la Membro-abonantoj, de 5.229 en la jaro 1931 al 4.654 en 1932, sekve 575 malpli multe. Estas proksimume la sama stato kiel en la jaro 1923, kun kiu 1932 havas certajn analogiaĵojn por UEA.

La alvoko al la membraro aliĝi kiel Subtenantoj trovis favoran eĥon. 547 personoj aliĝis en tiu ĉi kategorio kaj la sumo enspezita atingis 11.066,06 Fr., la plej alta ĝis nun. La meza valoro de MS kotizo tamen malkreskis iom ĝis 20,23 Frk. kontraŭ 21,61 en 1931.

Komparo de la enspezoj donas jenan bildon. Ni rimarku ke la antaŭe supozita perdo de unu milo da anoj *ne* realiĝis. La efektiva perdo kontraŭ 1931 estis 222 anoj. Ni sekvu nun promenadon tra la unuopaj ciferoj.

| Jaro | Helpmembroj | | Membroj | | M-abonantoj | | M-Subtenantoj | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1931 | 113 | 155,05 | 2.789 | 10.149,12 | 5.229 | 44.069,59 | 489 | 10.570,96 |
| 1932 | 170 | 257,45 | 3.027 | 10.646,54 | 4.654 | 36.401,51 | 547 | 11.066,06 |
| Kresko | +57 | +102,40 | +238 | + 497,42 | —575 | —7668.08 | +58 | + 495.10 |

Ni plibonigis la enspezojn en ĉiuj kategorioj, escepte en la plej grava, la Membro-abonantoj, kie la perdo estas sufiĉe grava.

Al la perdo de 575 MA kun 7.668,08 kontraŭstaras nur gajno de 57 + 238 + 58 sume 353 kun 1.094,92 tiel ke ni efektive perdis 222 anojn kaj 6.573.16 Frankojn kompare al la jaro 1931. La meza kotizo de la kvar kategorioj malkreskis, kiel vi vidas en la tabelo en Jarlibro, paĝo 100. La sola kategorio kies meza kotizo kreskis estas ... kia ironio ... la helpmembro. Nur ke tiu ĉi « helpo » tute ne influas la tutan situacion. Komparo :

| | Helpmembro | Membro | Membro-abonanto | Subten. |
|---|---|---|---|---|
| 1931 .... | 1.37 | 3.63 | 8.42 | 21.61 |
| 1932 .... | 1.51 | 3.51 | 7.82 | 20.23 |
| Kresko .. | 0.14 | — | — | — |
| Malkresko | | 0.12 | 0.60 | 1.38 |

La meza kotizo de ĉiuj kategorioj kune estis en 1931: Frk. 7.53. Kaj en 1932 la meza kotizo malsupreniris ĝis 6.95, sekve 0.58 Frk. malpli. La meza kotizo de ĉiuj anoj kune estis plej alta en la jaro 1927 kun frk. 8.15 kaj plej malalta en 1921 kun Frk. 5,85.

Plej grave malsupreniris la enspezoj por anoncoj, reklamoj, entreprenoj kaj abonoj, la ALIAJ enspezoj en niaj kalkuloj. Ili estis en 1931 : 3.772,84 kaj 2.628,70 en 1932, sekve, malpliiĝo de 1.144,14 Frk. t.e. 30 %. La kotizaj enspezoj malpliiĝis je 10 % kontraŭ 1931. Simila proporcio de malpliiĝo kiel ĉe la aliaj enspezoj ja estus bankrotiga.

Malgraŭ la situacio ni povis registrigi la aliĝojn de naŭ Dumvivaj anoj kiuj pagis la kotizon de 300 Frankoj. Estas unu germano, unu franco, finlandano, nederlandanino, polo, italo, svisino, unu georgiano, unu belgino.

Kion ni diru pri la situacio ? Unuavide ĝi ne aspektas brila, kaj pesimisma naturo tirus konkludojn tute ne ĝojigajn. Refoliumante la raporton prezentitan al la Komisiona kunveno dum pasko 1932 ni vidas, ke ni atendis enspezon de 50.000 Frk. por la tuta jaro kaj perdon de 20.000 Frk. kiel finrezulton. Nu, la *kruda perdo* estis 10.000 kaj la *neta perdo* 3.500 Frankoj. Konsiderante ĉion ni devas esti kontentaj eĉ je tiu ĉi rezultato.

La Komisiono de UEA, kunveninta dum Pasko (14-17 Aprilo 1933) ekzamenis la unuopajn detalojn de la bilanco. Interna raporto servis kiel gvido por tiu ĉi celo. La du Komisionanoj ŝarĝitaj per tiu ĉi tasko faris la jenan konstaton :

*La subskribintoj kontrolis la ferman bilancon kaj la bilancan Perdo-Gajnon 1932, komparis en kadro de ebleco la ciferojn kun la pruviloj kaj la konteltirojn de bankoj k.t.p. kaj konstatas plenan ordon en la kalkulo kun danko al la Direktoro kaj la kasistino por la plenumita laboro komplika kaj respondecplena, rekomendante ties malŝarĝon.*

Genève, 14 Aprilo 1933.

Johannes KARSCH, *Vicprezidanto de UEA* — Fritz ROCKMANN, *Komisionano de UEA.*

La Komisiono elektis por la kutima kontrolo S-ron Camille Rogister, eksperto pri librotenado.

Je la 20-a de Majo S-ro Camille Rogister, eksperto pri librotenado kontrolis la bilancon 1932. Post farita kontrolo li faris la jenan enskribon :

*Mi, kiel la anlaŭaj jaroj ekzamenis la bilancon kaj konton de Perdo-Gajno de la jaro 1932. Leginte la laŭdan aprobon donitan de la Paska komisiono al la Direktoro kaj librotenistino, mi sincere aliĝas kaj subskribas ĝin. Mi ankaŭ gratulas pri la klara kaj zorga librotenado, kaj speciale pri la jam faritaj ŝparoj. La ciferojn kaj kalkulojn mi kontrolis kaj trovis ĝustajn.*

Ĝenevo, 20an de Majo 1933. Camille ROGISTER.

## LA SERVOJ DE UEA.

Influita ankaŭ de la ĝenerala situacio la servoj malmultiĝis. Pro la manko de rimedoj kaj de personaro, la Statistiko pri faritaj servoj de la Delegitoj, jam de kelkaj jaroj ne plu povas esti farita. Plendinda fakto !

Sekvante la decidon de la Komisiono de UEA, ni raportas nur plej koncize :

## BIBLIOGRAFIA SERVO.

La trian jaron ni raportas pri la aperintaj verkoj en Esperanto. La nombro de aperintaĵoj en 1932 estis 146, do ok pli multe ol en 1931. Ili dividiĝas laŭ fakoj kaj nombroj jene. Por kompari kun 1930 kaj 1931 tiuj nombroj estas apudmetitaj :

| Fako : | Nombroj de verkoj aperintaj : 1930 : | 1931 : | 1932 : |
|---|---|---|---|
| 1) Instruado de Esperanto .. | 40 | 46 | 58 |
| 2) Literaturo kaj Arto ..... | 33 | 36 | 43 |
| 3) Scienco, Tekniko, Religio . | 28 | 38 | 28 |
| 4) Esperanto-Organizo ..... | 9 | 5 | 5 |
| 5) Diversaĵoj ........... | 9 | 13 | 13 |
| Sumoj ............ | 119 | 138 | 147 |

Klarigoj : Fako 1 enhavas lernolibrojn, vortarojn kaj legolibrojn. Fako 2 la belan literaturon sed sen legolibroj. Fako 4 oficialajn eldonaĵojn, jarlibroj k.t.p. — La Statistiko *ne* konsideras presaĵojn de amplekso malpli ol 16 paĝoj.

La valoro de la aperintaj verkoj 1932 atingas sumon de Frk. 216.20, laŭ la tiama kurzo. En la 147 estas 11 kiuj ne estas vendeblaj, *sen* vendoprezo. Do estas 136 libroj kaj sekve la meza prezo estus 1,60 Frk. sv. (1930 : 1.80 ; 1931 : 1.55).

Laŭ amplekso la aperintaj verkoj dividiĝas :

| | 1930 | 1931 | 1932 |
|---|---|---|---|
| De 17- 80 paĝoj ........ | 74 | 90 | 97 |
| » 81-160 » ........ | 28 | 25 | 38 |
| » 161-240 » ........ | 8 | 11 | 5 |
| » 241-480 » ........ | 9 | 10 | 6 |
| » 481-560 » ........ | — | 2 | 1 |
| Sumoj ................. | 119 | 138 | 147 |

Rimarkindaj verkoj :

Tra sovaĝa Kamĉatko
(Eldonis Sveda Eldona Societo, 276 pĝ.).

La pentro-arto en malnova Hungarujo
(Eldonis Literatura Mondo).

Göhl : Ausführliches Lehrbuch des Esperanto :
(Eldonis Friedrich Ellersiek, G.m.b.H., 295 pĝ.).

Medicina Vortaro
(Eldonis Medicina Revuo., 360 pĝ.).

Ishiguro : Praktika gvido de la Korespondado en E.
(Eldonis : Bunrishoin, Tokio ; 310 pĝ.).

Benson : Universala Esperanto-Metodo
(Propra eldono : 560 pĝ.).

Smogorszewski : Pol-Pomeranio
(Esp. Voĉo, Jaslo).

Citindaj lernolibroj en ne — eŭropaj lingvoj :
Ishiguro : Esperanto por komencantoj (Japana).
Miŝak : Ogreniniz Esperanto : (Turka).
Thien-Huong : Sâch-Lac Thé-Givi-Ngu Esperanto (Anama).

Plie aperis Araba ŝlosilo laŭ la serio de ICK, presita en Egipto kaj nova eldono de la sveda ŝlosilo.

Pasintjaraj raportoj enhavis provon de supoz-kalkulo pri la kosto de l'eldonitaj verkoj. Se ĉiuj verkoj kostas kune, po unu ekz., 216,20 Frk., la eldonkosto povas esti taksata je unu triono do 72 Frk. Supozante mezan eldon-nombron de 2.000 ekzempleroj oni atingus kapitalon de 144.000 Frk. svis.

*Turisma Servo*

La eldono de gvidfolioj laŭ la normo de UEA estis malpli vigla. Estis dissenditaj tamen du, ambaŭ pri Gœthe, de urboj Frankfurt kaj Weimar. Sendepende de nia servo aperis turismaj presaĵoj : de Aŭstrio, Budapest, Cagnes-sur-Mer, Sveda geografia karto kun teksto en Esperanto, Gvidlibro de Parizo. — La ĝenerala monmanko tre videble influas la eldonon de esp. turismaj presaĵoj.

La aliaj servoj de UEA sekvis la iron de l'okazaĵoj. Por konatigi tiun ĉi aktivecon UEA eldonis libreton

*Servaro de UEA*

senditan senpage al ĉiuj anoj de l'Asocio. Ĝi koncize informis pri ĉiuj servoj kaj laŭ la ricevitaj dankoj kontentigis la ricevintojn. Ion similan celas alia libreto kies erojn nun kolektas la Centra Oficejo. Nome fidindan materialon pri valoraj servoj plenumitaj de la Delegitoj de UEA, do speco de « Ora » libro.

## Bilanco de UEA : 24-a Jaro : 1931-32 :

I. — Elspezoj

| *Rubriko:* | *Ni elspezis : 1932* | *Budĝeto 1932* | *Budĝeto 1933* |
|---|---|---|---|
| 1. Salajroj .......... | 20.821,25 | 24.000.— | 20.000.— |
| 2. Oficejo, luo, hejto . | 3.600,15 | 4.000.— | 3.600.— |
| 3. Revuo kaj sendo .. | 14.782,70 | 15.000.— | 13.000.— |
| 4. Jarlibro kun afranko ........ | 7.110.— | 8.500.— | 6.000.— |
| 5. Afranko Oficejo .. | 4.087,95 | 3.000.— | 4.000.— |
| 6. Afranko Teritorioj | 3.336,06 | 2.500.— | 3.000.— |
| 7. Presaĵoj ......... | 1.526,45 | 2.000.— | 2.000.— |
| 8. Materialo ........ | 1.538,08 | 1.000.— | 1.000.— |
| 9. Premioj Subtenantoj ........... | 2.909,45 | 2.000.— | 2.500.— |
| 10. Premioj frupago, varbado ....... | 2.825,65 | 2.000.— | 2.500.— |
| 11. ICK subteno ..... | 2.500.— | 2.500.— | — |
| 12. Telefono, telegramoj | 450.— | 200.— | 300.— |
| 13. Vojaĝelspezoj ..... | 840.— | 1.000.— | 800.— |
| 14. Impostoj, asekuro | 305,05 | 400.— | 300.— |
| 15. Biblioteko ........ | 216,96 | 300.— | 200.— |
| 16. Ilaro oficejo ...... | 510,40 | 400.— | 300.— |
| 17. Propagando ...... | 1.306.— | 1.000.— | 500.— |
| 18. Amortizo ........ | — | 500.— | — |
| 19. Pagitaj interezoj .. | 1.200.— | 1.200.— | 900.— |
| 20. Diversaj elspezoj .. | 1.341,95 | 1.000.— | 950.— |
| Sumoj ........ | 71.208,10 | 72.500.— | 61.850.— |

II. — Enspezoj

| | *Sumoj enspezitaj :* | *Budĝeto 1932* | *Budĝeto 1933* Anoj : | Fr. svis |
|---|---|---|---|---|
| 1. 170 Helpmembroj .... | 257,45 | 100.— | 300 | 450.— |
| 2. 3027 Membroj .. | 10.646,54 | 9.100.— | 3.000 | 9.500.— |
| 3. 4654 Membro-Abonant. | 36.401,51 | 42.000.— | 4.400 | 33.900.— |
| 4. 547 Membro-Subten. .. | 11.066,06 | 9.800.— | 500 | 10.450.— |
| 8398 Anoj ..... | 58.371,56 | 61.000.— | 8.200 | 54.300.— |
| 201 Dumvivaj . | — | | | |
| 20 Honoraj .. | — | | | |
| 8619 Anoj ..... | 58.371,56 | | | |
| 5. 104 Entreprenoj ...... | 618,06 | 500.— | | 750.— |
| 6. 72 Abonoj ... | 435,33 | 500.— | | 500.— |
| 7. Anoncoj revuo . | 1.207,36 | 1.200.— | | 1.250.— |
| 8. Anoncoj jarlibro | 308,20 | 700.— | | 500.— |
| 9. Venditaj numeroj ........... | 59,75 | 100.— | | — |
| 10. Kruda Perdo en Adm. Konto al | 61.000,26 | 64.000.— | | 57.300.— |
| Bilanca P. G. .. | 10.207,84 | 8.500.— | | 4.550.— |
| | 71.208,10 | 72.500.— | | 61.850.— |

**Bilanco**

*La bilanca « Perdo-Gajno » prezentiĝas jene:*

| | *Perdo:* | *Gajno:* |
|---|---|---|
| Perdo en Administra Konto | 10.207,84 | |
| Senpagaj anoj kaj diversaj | 1.299,16 | |
| Amortizo (papero) | 478.— | |
| Diversaj gajnoj, servoj | | 2.395,77 |
| Monkolekto | | 2.547,23 |
| Alpago de l'Asocia Kapitalo | | 3.500.— |
| | 11.985.— | 8.443.— |
| Bilanca perdo de l' jaro 1932 | | 3.542.— |
| | 11.985.— | 11.985.— |

**Ferma Bilanco 1932**

24-a Administra Jaro de UEA : 1 Nov. 1931 ĝis 31 Okt.

| | *Aktivoj:* | *Pasivoj:* |
|---|---|---|
| En kaso | 597.— | |
| En svisa poŝtĉekkonto | 245,75 | |
| En bankoj | 1.512,48 | |
| En eksterlandaj poŝtĉekkontoj | 2.150,05 | |
| En fremdaj monoj | 225.— | |
| Mono disponebla | 4.730,28 | |
| Provizoj : Materialo, prespapero, libroj, maŝinoj, mebloj, ktp. | 27.843,16 | |
| Konthavantoj | 6.977,38 | 21.011,18 |
| Kreditoroj | 546,64 | 22.707,82 |
| Div. Kreditoroj-Debitoroj | 1.818,17 | 795,98 |
| Fremdaj kontoj | | 942,65 |
| | 41.915,63 | 45.457,63 |
| Jara perdo 1932 | 3.542.— | |
| | 45.457,63 | 45.457,63 |

*Jara spezado:* 389.098,02 *Fr. sv.*
1931*:* 476.799,25 1930*:* 498.458,99

# La jaro 1933

Kiam en la jaro 1932 kunvenis la Komisiono de UEA, ĝi dediĉis grandan parton de la tempo al la diskuto de la batalo kontraŭ la efiko de la ekonomia krizo. Tiam ĝi akceptis ĝisfunde priparolitajn proponojn kaj esperis, ke ilia apliko helpos savi la materian flankon de nia agado. Kiel videble ni sukcesis denove, uzante ĉiujn disponeblajn rimedojn, teni la Asocion super la akvo. Pri la uzitaj rimedoj por atingi tiun ĉi rezulton, atentema leganto trovas facile klarigon en la elspezoj. Metoda insisto ĉe hezitantaj samideanoj, regula admonado kaj sistema varbado de novaj anoj estas tiuj rimedoj kaj tio kostas, precipe afrankon.

La jaro 1933 vidas alian krizon, tiun de la organizo. Ni ne volas ree tuŝi tiun tedan diskutadon en kiu la kondukantoj de UEA ludis la rolon de predikantoj, kiel tion sprite esprimis brita Delegito. Vere, necesis multan predikadon ĉar la maniero laŭ kiu la problemo estas prezentita en Parizo absolute ne respondas al la faktoj. Kaj nur faktojn ni konsideru, kaj laŭ ili ni agu. La kunveno de la Komisiono de UEA dum pasko 1933 havis do la agrablan taskon diskuti pri la « organiza krizo ». Ĝia decido aperis en *Esperanto*, Aprilo, paĝo 83.

Nia agado do estis direktita defendi la principojn de UEA kontraŭ tendencoj « akvumigi » la karakterizan trajton de nia Asocio. Estis konsentite, ke cedante en iuj detaloj, la estraro de UEA ne detruu la ponton al la alia bordo. Plezure ni povas diri, ke dank'al kunveno okazinta en Ĝenevo la 22 kaj 23an de Majo, estis trovita *plano de Interkonsento* kies tekston ni represas tie-ĉi.

La vojo al harmonia interkonsento nun estas libera. UEA restas tia kia ĝi estas, ĝi plilarĝigas sian agadkampon, akceptas sub certaj kondiĉoj la enkorpiĝon de la membraro de Naciaj Societoj en la Asocion, kaj fariĝas *la* tutmonda organizaĵo. Kio gravas en la plano, estas tio, ke UEA konservas la karakterizajn trajtojn, lasas al ĉiu unuopa societo la liberecon de agado kiel al ĉiu unuopa esperantisto la nekontesteblan rajton partopreni la movadon laŭ sia konvinko kaj ŝato. Dependas nun de la traktadoj inter UEA kaj de la unuopaj Naciaj Societoj, kiel la Plano de Ĝenevo povu fariĝi sur bazo de afera kontrakto, *interkonsento*.

La serion de kontraktoj kun Naciaj Societoj ni malfermis per tiu kun Aŭstria Esperanto-Asocio. La dua estis tiu kun la Itala Federacio. Ni ĉiam opiniis, ke la tutmonda organizaĵo devas adapti sin en la praktikaj aranĝoj al la laŭlandaj bezonoj kaj kondiĉoj. Simpla vero, malfeliĉe forgesita aŭ malatentita de certaj organizemuloj, kiuj sub la impreso de unuecigaj tendencoj, sincere kredis, ke universala movado povas sekvi tion. Se pri moralaj principoj oni facile interkonsentas, jam estas alia afero pri la negocaj aŭ materialaj. Kaj estas precipe tiu ĉi punkto — la financoj — kiu plejofte malebligis realigi plej belan proponon.

La du kontraktoj menciitaj estas malsamaj kaj respondas al la bezono de la respektivaj landoj. La tria kontrakto estas denove alia. Pro ĝia speciala karaktero ni represigas ĝin tie-ĉi :

Universala Esperanto-Asocio, reprezentita de ĝia prezidanto S-ro Ed. Stettler kaj ĝia Direktoro, S-ro Hans Jakob, kaj

Pola Esperanto-Delegitaro, reprezentita de ĝia prezidanto Profesoro D-ro Odo Bujwid kaj ĝia ĝenerala sekretario S-ro T. Hodakowski

dezirantaj progresigi la Esperanto-Movadon en Pola Respubliko, interkonsentas pri komuna laboro laŭ jena maniero :

1. Ĉiu ano de UEA, pagante sian kotizon al loka Delegito aŭ al teritoria oficejo de UEA, estas traktata kiel membro de grupo, aliĝinta al Pola Esperanto Delegitaro, eĉ kiam la grupo ne apartenas al ĝi.

2. Universala Esperanto-Asocio, Pola Teritorio pagas al Pola Esperanto-Delegitaro por ĉiu ano kotizon de 0.60 zl., sendepende de la kategorio de la membreco ĉe UEA.

3. Pola Esperanto-Delegitaro konsentas al UEA regule unu tutan paĝon en *Pola-Esperantisto* por oficialaj komunikoj kaj liveros al la membroj tiun gazeton por rabatita abonprezo de 5 zl., jare, laŭ mendoj de la teritoria oficejo.

4. Pola Esperanto-Delegitaro subtenas UEA en la propagando interna, kontraŭe UEA helpas al la eldono de pollingva varbilo laŭ la modelo de la aliaj eldonoj en naciaj lingvoj.

5. Universala Esperanto-Asocio aranĝas komunan membrokarton laŭ fiksota modelo liverotan rekte de la Teritoria Oficejo.

6. La jena interkonsento valoras por unu jaro kaj estas renovigebla. Ambaŭ societoj deklaras solene nenion entrepreni aŭ subteni kio povus malutili al la speciala agadkampo de UEA kaj de PED.

7. La administran laboron de la supra aranĝo plenumas la pola ĉefdelegito de UEA, s-ro J. Ŝapiro laŭ la reguloj de UEA kaj laŭ laborplano, adaptita al tiu ĉi interkonsento.

---

La traktadoj nun daŭras kun aliaj societoj. Plia ŝtupo en la evoluo estas jena komuniko :

*Latva Esperanto-Societo decidas aliĝi al Universala Esperanto-Asocio dum 1934 jaro, sur la bazo de la kontrakto jam farita kun Aŭstria Esperanto-Asocio.*

* * *

La laborprogramo por la 1933-a jaro devis adaptiĝi al la ŝrumpiĝo (malaltiĝo) de la enspezoj. Sekve la budĝeto nur enhavis la plej necesan por ke vivu la Asocio, ne tuŝante la necesan povon de altiro aŭ intereso. Restis la premioj kaj la listo aperinta en la speciala numero verda de *Esperanto*, komence de la agadjaro indikis ne malpli ol 75 numerojn, riĉa kaj varia verkaro. Ĉefan atenton ni dediĉis al la revuo *Esperanto* kaj la provo, vivigi la enhavon trovis, kiel ni vidas el ricevitaj korespondaĵoj laŭdan aprobon. La Jarlibro restas nia plej grava eldonaĵo kaj la 25-a jara jubileo de UEA invitis, ke tiu ĉi jarlibro iamaniere memoru tiun okazon. Nia klopodado iris en du direktoj : Pli frua apero kaj interesa enhavo. Malgraŭ plej bona volo (kiu esprimiĝis konkrete en sistema vespera laboro eksteroficeja de la kompilinto) ni ne sukcesis elirigi ĝin komence de Majo, kiel ni volis. Kontraŭstaris certaj teknikaj kaŭzoj, tute ne forigeblaj per la nuna rimedaro. Pri la dua intenco, ke la jarlibro estu interesa ni opiniis taŭge aperigi historian skizon pri UEA, tirante el forgeso citindajn faktojn. Por kovri la plikoston de la ampleksa eldonaĵo 448 paĝa, la Delegitoj entreprenis varbadon de reklamoj, de entreprenoj k.t.p., kio alportis ne la supozatajn « milojn » sed sufiĉe por egaligi la plikoston. Al la bonvolaj varbintoj ni tie-ĉi esprimas nian plej koran dankon.

Ni efektivigis dum 1933 la novan aranĝon de la Propaganda Servo. Aperis ĝis nun varbiloj en tri lingvoj : Ĉeĥa, franca, germana, kune 40.000 ekzempleroj. Estas pretaj por presi la hispana, hungara, kataluna, portugala. En preparo estas la serb-kroata-slovena, la finna, la pola. Ĝis la fino de la jaro ekzistos dek eldonoj. La varbiloj trovis ĝeneralan aprobon, same pro aranĝo kaj pro la malalta kosto. Estas respondo perfakta al la diro de iuj « *UEA nenion faras por propagandi la lingvon* ». Post elĉerpiĝo de la unua serio de tiuj varbiloj, aperos dua serio kun alia teksto kaj alia bildo.

La intenco transformi UEA aŭ la provo krei paralelan organizaĵon konkurencan, devigis la estraron je rapidaj decidoj kaj je energia agado. Diversaj vojaĝoj de la Prezidanto kaj de la Direktoro servis al tiu plifortigo de la pozicio de UEA, samtempe al esploro de eblaj plibonigoj de nia servaro. La situacio kreita per la parizaj okazintaĵoj influis ankaŭ la komitaton de UEA, kiu devis okupiĝi konsiderinde pli multe ol kutime pri negocoj de la Asocio. Post Parizo, la komitato ricevis ĝis fino de Junio 33, kvin ampleksajn raportojn, ĉiun kun precize formulitaj demandoj. Ni konstatu ke la komitato plene komprenis la gravecon de la horo kaj serioze, ĝisfunde kaj ofte tre detale traktis la aferojn, kelkfoje ne tre simplajn. Ne forgesinde estas, ke la komitatanoj ja ne ĉiam disponas pri la dokumentado necesa por kompreni facile iun negocon. Rezultas el tio, ke la raportoj devas esti detalaj kaj dokumentitaj. El la korespondado kun la komitato de UEA oni povas konstati veran kunlaboron internacian, kian en aliaj komitatoj (eĉ enlandaj kun nacia lingvo) oni ne facile atingas. Estas plezuro labori sub tiaj cirkonstancoj kaj kondiĉoj.

Post la milda muziko, venu la sonora baso de la financoj. Averte sonis al niaj oreloj en Parizo, ke en Britujo, UEA eĉ ne centon da membroj havos, ke en Italujo, la leĝo (malpermesanta aliĝon al eksterlanda societo) nuligas UEA. Ni komprenis tiun ĉi minacon. Ĉu realiĝis la profetaĵoj ? Je la fino de Junio 1933, la Centra Kaso registri 6234 aliĝojn, kontraŭ 7284 je sama epoko 1932. La organiza kverelo ja iom influis en iuj landoj, ankaŭ dank' al la nekomprenebla procedo de unu nacia societo konsili prokraston de repago al siaj membroj, samtempe membroj de UEA.

Ĉio foje jam okazis kaj ni ja atendis ion similan. Ni konstatu, ke escepte kelkaj eksiĝoj rapidaj, la granda plimulto restis fidela al la Asocio. Estas do tute certa, ke ankaŭ en 1933 la stato ne montros malprogreson.

Unu malfeliĉo ne restas sole. Tio rilatas al la abrupta falo de la monkurzoj, ne egaligebla per altigo proporcia de la kotizoj, jam fiksitaj en tiuj monoj. Parton de tiu ĉi malkresko de la enspezoj ni povis kovri per redukto de kelkaj kostoj, pri kio ni jam raportis aliloke. Ne antaŭvideble estas la kapricoj kaj ĉikanoj kiujn renkontas internacia entrepreno en la mon-interŝanĝo. Dekreto sekvas dekreton, limigantaj la rajton kaj eblecon pagi eĉ la plej etajn sumojn. Ripetiĝas, sed en pli granda skalo la okazintaĵoj de 1919 ĝis 1923, kiam aro da ŝtatoj devis apliki drakonajn rimedojn por savi la nacian monon. Siatempe la Centra Oficejo ja akiris spertojn, nun uzeblajn.

Resumante ĉion diritan ni povas konkludi, ke UEA malgraŭ ĉiuj baroj plenumis ĉion, kion ĝi ŝuldas laŭ statuto kaj kutimo. Tion ĝi ĉefe dankas al la sindono de la Delegitoj kaj la oferemo de la membroj. Konvinkitaj, ke la sekvata vojo estas la sole ĝusta, ni dankas al ĉiuj amikoj, kiuj bonvolis sekvi nin kaj kunhelpi en la laboro laŭ la spirito de niaj pioniroj. Novaj tempoj postulas novajn metodojn. Ilin ni aplikas kaj ne hezitas se necese forigi tion, kio ne plu respondas al la novaj bezonoj. Ne gravas la formo sed gravas la spirito viviganta la formon. UEA 25 jara kuraĝe kaj decide ekmarŝas al la dua kvaron-jarcento de sia ekzisto por la bono de la movado kaj de la intergenta kunlaboro.

**La venonta numero**

***aperos fine de Aŭgusto***

***kaj raportos***

***pri la 25-a Kongreso***

# Plano de Ĝenevo, 1933

La subskribintoj :

1. S-ro Ed. Stettler, prezidanto de Universala Esperanto-Asocio,

2. S-ro Fr. Schoofs, sekr. kas. de Konstanta Reprezentantaro de la Naciaj Societoj kaj reprez. de Belga Ligo Esperantista,

3. S-ro C. C. Goldsmith, reprezentanto de la Brita Esperantista Asocio kaj de la Brazila Ligo Esperantista,

4. S-ro René Dubois, reprezentanto de la Franca Societo por la propagando de Esp., de la Hispana Esp. Asocio, kaj de la Kataluna Esp. Federacio,

5. S-ro Rob. Kreuz, reprezentanto de la Centra Dana Esp.-Ligo kaj delegito de la Itala Esperantista Federacio,

6. S-ro H. Steiner, reprezentanto de la Aŭstria Esperanto-Asocio,

kunvenintaj en Ĝenevo la 22 Majo 1933 por prepari la vojon al interkonsento pri internacia organizo, starigis la jenan planon :

1. — UEA estas la tutmonda organizaĵo esperantista, reprezentanta la esperanto-movadon kaj organizanta la universalajn kongresojn.

2. — La landaj esperanto-societoj, laŭ difino akceptita en KR, povas aliĝi al UEA per interkonsento, reciproke revokebla ĉiutrijare, laŭ jenaj ĝeneralaj principoj :

*a)* Ili pagos al UEA jarkotizon de sv. frk. 0.50 por ĉiu el siaj regulaj membroj ;

*b)* La membroj de tiuj societoj fariĝas por tio simplaj membroj de UEA ; ili rajtas ricevi la internacian membrokarton kaj uzi la servojn de la delegitoj pri vojaĝ-helpo kaj informpetado ;

*c)* La landaj societoj klopodas varbi kiom eble plej multe da aktivaj membroj de UEA. Aktivaj membroj estas membroj senpere aliĝintaj aŭ varbitaj de landaj societoj, kiuj pagas la laŭstatutan kotizon por ricevi la jarlibron, gazeton, ktp. (t.e. la ĝisnunaj M, MA, MS...)

3. — La landaj societoj prenas sur sin la administradon de la membroj en sia lando, sub la gvidado de ĉefdelegito, nomita de UEA, interkonsente kun la landa societo.

4. — La landaj societoj partoprenas per sia estraro aŭ per siaj grupoj en la elekto de la lokaj delegitoj.

5. — En landoj, kies societo aliĝis kiel membrosocieto, la kotizo de UEA por aktivaj membroj, neapartenantaj al la landa societo estas por ĉiu kategorio almenaŭ same alta kiel la kotizoj, kiujn la landa societo fiksis por siaj membroj el ĉiu kategorio. Tamen la ĝisnunaj membroj de UEA povas resti membroj laŭ la ĝisnunaj kondiĉoj.

6. — La landaj membro-societoj kun minimume 100 membroj ĝis 1000 elektas unu membron en la komitaton de UEA kaj plian por ĉiu komencanta milo da membroj. En tiuj landoj UEA ne plu elektos komitatanon pere de la delegitoj.

7. — Kun la landaj societoj, ne-aliĝantaj al UEA kiel membro-societo, kun fakaj societoj kaj institucioj, UEA povas fari kontrakton pri favoraj kondiĉoj (art. 14 de la statuto de UEA) aŭ tiuj organizoj povas simple sin enskribi ĉe UEA kiel partoprenantoj en la ĝenerala esperanto-movado, kontraŭ fiksita jar-pago.

8. — Okaze de ĉiu Universala Esperanto-Kongreso kunsidas « Konsilantaro de la Esperanto-movado ». Ĝi konsistas el la komitatanoj de UEA, la ĉefdelegitoj aŭ iliaj reprezentantoj, la honoraj kaj dumvivaj membroj, la patronoj kaj la reprezentantoj de la organizaĵoj registritaj ĉe UEA laŭ artikolo 7 ĉi-supra. Tiu konsilantaro esploras la jarraportojn pri la stato de la movado, konsideras proponojn pri disvastigo kaj utiligo de la lingvo kaj starigas programon de laboroj, kune entrepronotaj. Ĝi decidas per plimulto de la ĉeestantoj en formo de deziresprimoj, kiujn ĝi transdonas al la komitato de UEA.

9. — La ĝisnuna kongresa regularo daŭras validi. La kongresa licencpago iras al UEA.

10. — Post sia likvido ICK kaj KR transdonos al UEA siajn havaĵojn kaj dokumentojn. La estraro fiksos la novajn devojn de la ĝisnunaj direktoroj kaj oficistoj de ICK kaj UEA.

11. — UEA estas petata, submeti la nunan proponon al siaj komitatanoj kaj KR al la landaj societoj.

12. — La nova aranĝo ekfunkcios tuj, post kiam la komitato de UEA kaj 12 landaj asocioj ĝin akceptis.

Subskriboj : Ed. STETTLER, Fr. SCHOOFS, Cecil C. GOLDSMITH, René DUBOIS, Rob. KREUZ, STEINER.

---

## Skolta Movado

*Mondtendarego de Skoltoj en Gödölő, 1-16 Aŭg. 33.*
*Grava alvoko al skoltoj kaj ne-skoltoj.*

Esperanto-societoj pruntedonu al skoltaj trupoj esperantan flagon, ke ili portu ĝin kun siaj diversaj skoltflagoj dum paradmarŝoj, veturo.

Blazonojn de via lando, malgrandajn naciajn flagojn, minimume sur poŝtkartoj sendu por jamborea ekspozicio ! Al ĉiu ni dankos per Budapesta fotokarto.

Hungarajn popolkantojn, kantotajn de skoltoj kun esperanto-teksto, ni eldonos, se sufiĉe multaj mendos. Prezo unu respondkupono po peco. Hungara Skolta Esperanto-Rondo, V. Nagy Sándor-u. 6., Budapest.

Gvidistojn petu la skolttrupoj, laŭeble tiajn, kiuj scias krom la dezirata lingvo ankaŭ Esperanton. (Ĉar verŝajne nur esperantistan gvisdiston oni ne petus !). Opaj personoj ne povas peti.

Alvenontoj vizitu la oficialan esperantistan skolt-kunvenejon ĉe trupo no. 199 (proksime al fervojstacio). Bonvolu ankaŭ viziti la esperantistan oficiston en la jamborea bankoficejo kaj tie ŝanĝi la monon ! Oni vizitu la esperantistojn de fremdulgvidistaj skoltoj kaj ankaŭ la jamborean redaktejon de ĉiutaga gazeto ,petante tie persone esperantajn resumojn !

---

Skoltoj nepre parolu unue ĉie Esperante, eĉ se vi ne esperas respondon en Esperanto, por ke oni vidu : Esperanto ekzistas. Ĉe teatraj kaj tendarfajraj prezentadoj prezentu ion en Esperanto, precipe kantojn !

Estas jamborea poŝtoficejo kun apartaj poŝtmarkoj. Por korespondado uzu la ilustritajn kartojn kun Esp-tekstoj ! Petu nur tiajn !

Kiuj interesiĝas pri rabatita vojaĝo al mondskolta tendarego (jamboreo) petu prospektojn de IBUSZ vojaĝoficejo, Entrepreno de UEA, Budapest V., Vigadó-tér 2. Malofta okazo viziti belan Budapeston kaj interesan tendaron de 25.000 junuloj el 40 ŝtatoj.

# Kongresoj

## 4-a Flandra Kongreso de Esperanto

La 4-a Flandra Kongreso de Esperanto okazinta en Mechelen, dum Pentekosto, brile sukcesis; ĉeestis 214 samideanoj inter ili dekduo da eksterlandanoj.

La loĝantaro montris grandan simpation, je kio helpis Esperanta ekspozicio en salono de la urba teatro kaj afiŝoj.

Sabate posttagmeze, Sia Moŝto la Ĉefepiskopo Van Roey konsentis aŭdiencon por la Belglanda Asocio de Katolikaj Esperantistoj. S-ro Calloens transdonis la verkojn « Historio de Kristo », « Fabiola » kaj kelkajn aliajn libretojn.

La kongreso komencis per koncerto de la mondfama sonorilaro. Interkonatiĝa vespero, filmmontrado kaj muziko kunigis la kongresanojn en la akceptejo; komitato kaj la delegitoj aparte kunvenis.

Dimanĉe, post la diservo kun Esp. prediko, impona sekvantaro, kun la grupflagoj, marŝis al la urbdomo. S-ro Dessain, urbestro, volante montri sian intereson por Esperanto, akceptis la gekongresanojn en la belega gotika salono, plaĉe ornamita. Post la oficialaj salutoj, la Urbestro aparte salutis S-on Masselier el Parizo, militblindulo, kiu por la 3-a fojo ĉeestas Flandran kongreson.

La ĝenerala kunveno de Flandra Ligo Esperantista en la urba teatro estis amase ĉeestata. Post ĥora kantado de « La Espero », ĝin malfermis S-ro Calloens, prezidanto de F.L.E. Kun plezuro notis la partoprenon de imponaj delegacioj el la novaj grupoj Aarschot, Lede, Leuven, Nieuwpoort, Oudenaarde, Rouselaere, k.a. La kunveno aklame salutis eksterlandajn samideanojn kiuj donas al la kongreso internacian karakteron.

La sekretario raportis pri la Liga laboro kaj la kasisto komunikis la bonan staton de la financoj, kiuj jam de 4 jaroj permesas regulan kaj akuratan aperon de « Flandra Esperantisto ».

Dum la UEA kunveno okazis vigla diskutado, el kiu rezultas ke nur starigo de aparta Flandra sekcio kontentige solvos la nunan malinterkonsenton.

S-ro Debrouwere prezentis la sekvantan tagordon, kiu estis unuanime aprobata:

*« La Flandraj Esperantistoj, kunvokitaj dum la 4-a Flandra Kongreso de Esperanto en Mechelen,*

*« Post ekzameno de la diversaj proponoj por novorganizo de la Esperanto-movado,*

*« Konstatas, ke neniu el ĝi alportos la deziritan unuecon;*

*« Rekomendas organizon bazitan sur la principoj difinitaj en la cirkulero de S-ro Stettler, prezidanto de UEA, titolita: Al la solvo de l'organiza problemo. (Cirkulero kies teksto ankaŭ aperis en « Esperanto », Februaro 1933.) »*

El la raporto de Flandra Esperanto-Instituto, ni ĉerpas ke vendiĝis dum 1932 por 13.000 fr. da lernomaterialo.

Por la diplomdisdonado de F.E.I. 42 gelernantoj sin enskribis por la ekzamenoj kaj 39 el ili akiris diplomon.

La grupo Aalst prezentis teatraĵeton « La Mistera Mano », laŭ traduko de S-ro DeBondt.

Al speciala kunveno de la Esperantistaj Geinstruistoj partoprenis 30 personoj, inter kiuj lernejinspektoro.

Entute: Le 4-a estis bela sukceso kaj la rezultoj fruktoplenaj!

La sekvanta kongreso okazos en Oostende aŭ Nieuwpoort, je Pentekosto 1934.

## Svisa Esperanto - Tago

La jarkunveno de la Svisa Esperanto-Societo okazis dum Pentekosto, la 4-5 junio 1933 en la bela lagurbo Neuchâtel. La unuan tagon okazis la ekzamenoj, al kiuj sin prezentis 7 personoj. Menciinda estas la sukceso de 13-jara knabo en la unuagrada ekzameno kaj la akiro de diplomo pri instruado de f-ino Alice Früh, St. Gallen, kiu antaŭ du jaroj eklernis Esperanton en kurso de s-ro Cseh. Bone prizorgis la Neuchâtel-a grupo la interamikan kuneston sabate vespere. En la ĉefkunveno estas i.a. akceptitaj la kas- kaj la jarraporto de la prezidanto, D-ro Maeder, St. Gallen. La malnova estraro estas reelektita kaj post parolado de s-ro Stettler pri la reorganiza demando kaj diskutado estas unuanime akceptita la jena propono:

« La Svisa Esperanto-Societo, *konstatante* kun plezuro ke la plano ellaborita la 22-an de Majo 1933 en Genève taŭgas prepari la vojon al interkonsento pri internacia organizo, *volonte rekonas* UEA kiel la tutmondan organizaĵon esperantistan kaj *akceptas* la planon laŭprincipe, rezervante pliajn decidojn kiam pliaj detaloj pri ĝia funkciado estas konataj. »

## Sesa Jugoslava Kongreso

Tiu ĉi jara *kunveno* okazinta en Beograd estis efektive *kongreso* laŭ l anombro de la partoprenintoj. El ĉiuj anguloj de Jugoslavio alvenis la samideanoj.

Protektanta komitato de lokaj kaj landaj eminentuloj inter ili kiel ĉefa D-ro Bogdan Gabriloviĉ, la prezidanton de la R. Akademio de Sciencoj.

Sabato vespere interkonatiĝa vespero en Hotelo London, kie la nigra esperantisto Kola Ayaji formis mezpunkton.

La solena malfermo de la kongreso okazis en la Nova Universitato, granda salono, sufiĉa por internacia kongreso. Malfermis la kongreson la nelacigebla pioniro, Radomir Klajiĉ, Delegito de UEA, proponinte kiel honoran prezidanton de la kongreso, unuan pioniron de la movado en Jugoslavio, S-ron Jova P. Jovanoviĉ, aklame akceptita.

La estraro de la kongreso estas formita el prezidanto Klajiĉ, ceteraj anoj D-ro Stefanĉic, S-ro Begoviĉ, D-ro Ŝalamon, D-ro Kun, S-ro Rubĉiĉ, S-ro Rakuŝa, S-ro Ĉabriĉ. Funkciis kiel sekretarioj samideanoj Krick, Zivanoviĉ kaj Wranka.

Aro da salutleteroj kaj telegramoj estis legitaj, inter ili de la reĝo, de ministroj de klerigado, de Internaj aferoj. Ĉeestis delegito de la ministerio de Klerigado, S-ro Cvetkoviĉ, kiu kun intereso sekvis la parolojn, plej multe en Esperanto.

Altsentan malferman paroladon ni aŭdis de D-ro advokato Stefanĉiĉ, la prezidanto de la Jugoslavia Ligo. La fundo de lia parolado estas la postulo je spirita trapenetro de nia movado, pledo por morala bazo. Al la lingva flanko de nia klopodado li kontraŭmetis tre lerte la neceson de ia enhavo. Eble aro da kongresanoj, freŝaj esperantistoj ne tre bone komprenis kio pravigus presigon de tiu ĉi parolado.

Salutis la kongreson en la nomo de la Rotary-kluboj, eksministro S-ro Stojadinoviĉ, pruvinte ke li bone komprenis la celon de nia movado. Sekvis aro da aliaj organizaĵoj kaj fine... surprizo por malnovaj esperantistoj... Universitata profesoro Andonoviĉ, preskaŭ forgesita pioniro de la movado, redaktoro de iam ekzistinta periodaĵo « Serba Esperantisto ». Sekvis la eksterlandaj gastoj kies vicon malfermis F-ino Martha Root la usona samideanino bone konata, la Direktoro de UEA, S-ro Harabaĝiu kaj S-ro Berohn el Bukureŝto, S-ro Vilmos Bleier el Budapeŝto, S-ro Fuchs el Bialystok kaj kiel « clou » aperis la ridetanta venkocerta vizaĝo de Kola Ayaji. Ne nur la esperantistoj, sed ankaŭ la delegitoj kaj ne-esperantistaj gastoj entuziasmiĝis pro la majstra, decida kaj elokventa parolado de tiu ĉi aŭtentika nigrulo. Aŭdante nur la parolon sen scio ke estas afrikano, oni ne estus povinta distingi facile la devenon. Lia apero estis propaganda lertaĵo unuaranga. Montriĝis tiam ankaŭ la facileco laŭ kiu sudslavoj entuziasmiĝas, sed certe ankaŭ sobra nordulo varmiĝus.

Impresiga pro la persono estis la saluto de blindulo, S-ro Alĉeviĉ el Zemun (urbo kontraŭflanka de Beograd) leginte tekston laŭ blindulskribo.

La solena malfermo finis per alparolo de la grupoj sendintaj Delegiton. Kun bedaŭro oni rimarkis la foreston de aktivaj samideanoj el Zagreb.

Tagmanĝo en « Radniĉka komora », modesta sed bonhumora. Vespere grandioza kunveno en ĉeĥoslovaka Domo kun deklamadoj de ĉarmaj fraŭlinoj Gjukiĉ kaj Hobolja, monologon « Judaso » kaj muzikaĵoj. Denova « Clou », nome la bardo esperantista, vigla kaj gaja Marko Neŝiĉ kun la nacia instrumento la « guzla ». Kaj la gajeco atingis sian kulminacion kiam venis la carma dulingva kanto_

« Mi trinkas ruĝan vinon kaj kisas belulinon »,

invito fidele sekvita de kelkaj principuloj.

Resumo de la laborkunsidoj kiuj estis bone vizititaj donas jenan bildon: Esprimoj de danko al la komitato de la Ligo kaj al la redaktoro de la Suda Stelo, fondo de Jugoslava Esperanto-instituto laŭ instigo kaj propono de Prof. Rakuŝa el Maribor. Reelekto de la sama komitato, diskuto pri eldono de Jugoslava Antologio, kurso por vojaĝantaj esp, instruistoj, kotizaferoj kaj elekto de la loko por la venonta kongreso (urbo Osijek). Fine ankaŭ oni povis iom diskuti la organizan problemon, kie laŭ deziro de la kongreso, ĉeestanta direktoro de UEA klarigis la « *Planon de Genève* ». Rezolucio ke oni prokrastu la decidon ĝis post la kolonja kongreso.

Lundo matene konferenco internacia en kiu elmontris D-ro Stefanĉiĉ kaj Prof. Rakuŝa iliajn ideojn pri la estonta sinteno de nia movado. Konstatinde estas kiel nunaj politikaj movoj trovas sian reflekson en nia movado. S-ro Rakuŝa, proklamante la aliĝon — almenaŭ spiritan — de nia movado al deziroj, de aŭtoritateco, de gvidanto senkontrola, forlaso de humanecaj ideoj de la 19-a jarcento trovis respondon en klara konfeso al idealo de senpolitika kaj ĝenerala agado sur morala bazo, faritan de D-ro Stefanĉic.

Ambaŭ paroladoj meritas aperon en gazeto.

La fermo de la kongreso okazis en la Malnova Universitato. S-ro Klajiĉ resumis la faritajn laborojn esprimante la konvinkon, ke la nuna kongreso estas nova etapo en la antaŭenmarŝo de la movado en Jugoslavio. Poste la eksterlandaj gastoj sinsekve dankis por la bona akcepto kaj amika sinteno de la jugoslavaj samideanoj. Per « ĝis la revido en Osijek » S-ro Klajiĉ fermis la kongreson.

Aro da samideanoj ekskursis al la monto Avala kaj alia aro iris al Zemun por viziti la blindulinstituton, kie Esperanto estas instruata. Lundon vespere, Samideano Kola Ayaji faris prelegon pri Afriko kun lumbildoj, majstre kaj elokvente. Tro rapide pasis tiuj belaj tagoj, sed la partoprenintoj kun kontenteco memoras ilin.

## Jarkunveno de Hungarlanda Esperanto Societo

Budapest, 13. Majo 1933.

La prezidanto, fama verkisto Frederiko *Karinthy* malfermas la kunsidon per interesa parolado. Post granda aplaŭdo sekvis saluto de aliaj societoj : Pedagogia E. Soc., Katolika E. Soc., Laborista E. Soc., UEA, Skoltoj, Feminista Soc.

Peter *Harold* el Leipzig salutis en nomo de Germanoj,

Valdemar *Langlet*, nun lektoro por sveda lingvo ĉe la budapesta universitato salutis en nomo de Svedoj,

P. *Balkányi* parolis pri 25 jara jubileo de UEA kaj ĝia kunlaboro kun la naciaj societoj,

Dro. N. *Bano* en nomo de blinduloj klarigis ties laboron,

Julio *Baghy* transportis la salutojn de Estonoj, de Marie *Under*, de Latva Esp. Soc.

Prof. J. *Mihalik* parolis pri laboro de esp. profesoroj kaj instruistoj, li, kaj ankaŭ la repr. de laborista kaj katolika esp. societoj akcentis, ke la diversaj esp. societoj devas kune labori por sama cela.

La kunveno sendis salutojn al la ĝeneraldirektoro de la poŝto, barono Gabor *Szalay* (pro eldonigo de poŝtkartoj kun esp. teksto) al la ministroj de instruado kaj komerco.

Laŭ propono de dro *Lorand* oni elektis eksministron dro. *A. Benard*, kiel honoran prezidanton, kaj 21 eminentulojn, kiel honorajn membrojn.

Laŭ la jara raporto okazis multloke kursoj, la plej vigla grupa vivo estis en *Debrecen*, dro. *Takács* aranĝis en *Nagymaros* Esperanto-Muzeon, aperis Hungara Antologio, oni fondis Ekzamenan komitaton, aranĝis standon en la Foiro, ktp.

La jarkunvenon sekvis lunde, la 15.- an *diskutvespero de kelkaj konataj hungaraj verkistoj* pri Esperanto. Kompreneble oni ne povis ĉiun konvinki pri supereco kaj taŭgeco de Esperanto, sed estis granda sukceso, ke pri tiu temo verkistoj aranĝis publikan kunsidon. Pro intereso de publiko sekvis pluaj tri diskutvesperoj kun gravaj alparoloj, eĉ gazetoj raportis.

# Santander

## kaj la 10-a Hispana Esperanto- Kongreso



En la nordhispana havenurbo Santander, okazos dum 20-24 Aŭgusto, la jarkunveno de Hispana Esperanto-Asocio kiu promesas esti plene sukcesa laŭ ĉiuj vidpunktoj. Al ĝi jam aliĝis bona nombro de hispanaj samideanoj kaj kelkaj eksterlandanoj. Jen kelkaj informoj pri la kongresurbo kaj regiono.

Laŭ la romanoj Santander estas *Portus Viciorıœ*, kie Marko Agripa venkis la kantabrojn 21 jaroj antaŭ Kristo. La loĝantaro kalkulas 85.000 homojn. La klimato estas milda, la meza temperaturo dum somero estas 19° kaj dum vintro 10°. Komparo kun ĉiuj aliaj restadlokoj tuj vidigos, ke Santander okupas unuan rangon inter ili. Ĝi kuŝas en escepta situacio, ŝirmata de monteta deklivo kontraŭ la norda vento. La natura haveno estas unu el la plej belaj en Eŭropo, permesanta albordiĝi ĉe siaj kajoj la plej grandajn oceanŝipegojn. Irante laŭlonge de la apudmara avenuo Pablo Iglesias oni havas ravigan perspektivon sur la bajon kaj la montaron ĝis alveno, je la fino de tiu promenejo, ĉe la ampleksaj kaj mirindaj sablobordoj apartigitaj de la haveno per la preskaŭinsuleto La Magdalena, kies nacia palaco estas sidejo de la Internacia Somera Universitato.

Rimarkindaj vidindaĵoj estas la katedralo de la XIIIa. jarcento kaj la preĝejo de l'Kristo, kiu estas la kripto de la katedralo kun transira stilo de la romana al la gotika, de fino de la XII aŭ komenco de la XIII. La Biblioteko de la eminenta verkisto Menéndez y Pelayo kaj la urba, du belaj modernaj palacoj renesancstilaj. La domomuzeo de Galdós, la Stacio de Mara Biologio (muzeo kaj akvario kun kolekto de diversaj vivantaj marfiŝoj), la impona Hospitalo Valdecilla, la Urbdomo, la poŝt- kaj telegrafoficejo (rimarkinda, laŭ regiona stilo).

En Santander oni povas praktiki ĉiujn sportojn : alpajn ekskursojn en la regiono, ŝipkuradojn, fiŝkaptadon en la maro kaj riveroj (bongustaj trutoj kaj salmoj) golfon (du bonaj arenoj), tenison, piedpilkon, taŭroludojn. En sama tago oni povas ĉasi sovaĝajn bestojn (aprojn, ursojn k.t.p.) kaj partopreni en la urbo societan balon.

La regiono estas nomata « La Montaro » kaj la santanderanoj « montaranoj » pro la montarloka karaktero kiu similigas ĝin al Svisujo kaj Skotlando. Plej grava estas la montĉeno « Picos de Europa » (Eŭropaj Pintoj) kun altecoj de 976 m. ĝis 2.639 super marnivelo ; vojaĝe al tiu loko oni iras laŭ la 12-kilometra mallarĝega intermonta koridoro de La Hermida, unu el la plej grandiozaj en la mondo.

La tuta provinco estas riĉa arkitektura muzeo kun rimarkindaj specimenoj el diversaj stiloj, precipe el la romana, super kiuj distingiĝas la kakonika preĝejo de *Santillana del Mar,* nacia monumento, vera juvelo. La urbeto *Santillana del Mar* estas miriga montro, ne fragmenta, el la Mezepoko, sen modernaĵoj kiuj kontraste krias apud restaĵoj el pasinteco. Tre bone konservata, en ĝi oni sentas sin transportita al estintaj jarcentoj, elvokante la figurojn de la kavaliroj kaj monaĥoj. Al la urbeto Santillana apartenas la loko *Altamira,* kuŝejo de la konata kaverno kun la plej mirindaj surrokaj pentraĵoj de la prahomo, kiuj datumas de antaŭ 15.000 aŭ 20.000 jaroj. La kaverno estas la Meko de la prahistoriaj esplorantoj kaj ĝi estas bonege aranĝita por oportuna vizitado.

La L.K.K. aranĝis provizoran programon, eventuale plibonigotan. Solena malferma kunsido. Malkovro de nomtabulo de strato D-ro. Zamenhof — Fotografiĝo — Propaganda kaj koncerta festo en loka teatro — Ekskurso per boato tra la granda haveno al insulo Pedrosa — Ekskurso al la arkaika urbeto Santillana del Mar — vizito de la kavernoj de Altamira kaj ties muzeo — Promenado tra la urbo kun vizito de vidindaĵoj.

La kongreskotizo estas 5.— pesetoj, oni povas aliĝi per simpla letero kaj sendi la monon per poŝtmandato. Ĉiu aliĝinto ricevos tre gravan kaj belan gvidlibron esperantan pri Santander, urbo kaj provinco, pli ol 125-paĝa kun multego da artbildoj, kaj artecan memormedalon montrantan la nacian palacon de La Magdalena. Krom tio ili ĝuos la rabaton da 33 % el la hispana fervojbileto al la kongreso. (Certe la libro nur, valoras la kotizon, kvankam la kongreso ne estus partoprenata.)

Pensionejoj kaj hoteloj estas de 8.— ĝis 50.— pesetoj, kompleta pensiono. La plej proksima stacio ĉe la franca limo estas Irun, prezo de la bileto por la unua klaso 32,75 pesetoj; por la dua klaso 25,20 p. (rabato ne enkalkulita) kun transvagoniĝo en San Sebastian kaj Bilbao; veturtempo 10 horoj.

Ni korege invitas la hispanajn kaj fremdajn samideanojn partopreni la kongreson. Fremdlandanoj profitu la malaltan monkurzon hispanan (por multaj landoj), ili ekkontaktu kun Hispanujo kaj se eble, daŭrigu vojaĝon al la interno de la lando kaj almenaŭ vizitu Madridon, ĉefurbo de la Respubliko, kun ĝia nekomparebla Muzeo de l'Prado kaj multego da vidindaĵoj kiel la Nacia Palaco, plena je sennombraj riĉaĵoj. De Madrido nepre ne foriru sen ekskursoj (tre malkaraj) al *El Escorial,* kies monaĥejo estas nomata « la oka mirindaĵo de l'mondo » kaj al *Toledo,* antikva imperia urbo, kiu estas kvazaŭ indekso de la tuta hispana civilizo.

---

# Oni dankas

*** Fraŭlino Gerard, delegitino en Parizo, dankas al S-ro Balkanyi, Delegito en Budapest, pro tre rapida respondo, kiu ebligis interrilatigon de Parizaj Skoltestroj (irontaj al Jamboreo) kun la Hungara Skoltaro.

*** D-ro M. Blassberg en Kraków (Polujo) dankas kore al la Brita Esperanto Asocio en Londono por la afabla kaj bonega multjara libro-servado.

*** F-ino J. Supichovà, membrino de UEA en Praha (CSR) elkore dankas al S-ro R. Hoeber, Del. en Mannheim (Germ.) pro baldaŭa plenumo de la peto pri informo.

# D-ro Pitlik - 50 jara -

*Je la 24-a de Julio 1933, D-ro Augustin Pitlik atingas 50 jarojn. La redakcio de « Esperanto » kore gratulas.*

Ph. Dr. Augustin Pitlik naskiĝis la 24.VII.1883 en sudbohemia urbo Bavorov. Absolvinte la gimnaziajn studojn en Ĉ. Budějovice kaj la filologion ĉe la universitatoj en Strasburg kaj Praha, li instruis kiel helpprofesoro ĉeĥan kaj germanan lingvojn en la mezgradaj lernejoj en Klatovy, Příbram, Prostějov kaj Plzen. Dum la mondmilito li militservis kiel oficiro en Plzen « Székésféhervar, Kraków kaj Przemysl. Post la revolucio li fariĝis oficisto en Porfremdula ŝtata oficejo, depost la j. 1920 li deĵoras kiel supera sekretario en la porturisma sekcio de la komerca ministerio en Praha; ordenite en la j. 1932 per la kavalira kruco I.kl. de la finnlanda ordeno «Blanka rozo».

Specialan atenton li dediĉas al turismo kaj esperanto. Esperantistiĝinte en la j. 1903, li en la j. 1912-13 kiel unua Eŭropano travojaĝis la tutan Eŭropon, paroladinte helpe de la lumbildoj kaj esperanto pri « Praha, la naturaj kaj historiaj memorindaĵoj de ĉeĥaj landoj » en 33 plej grandaj urboj de 10 ŝtatoj eŭropaj. La paroladvojaĝo, dum kiu li vizitis, akompanate de esperantistoj, multajn aŭtoritatojn kaj kiu estis treege priatentata de la eŭropa ĵurnalaro, multe helpis la esp. movadon en Eŭropo kaj en la patrujo de la paroladinto, pruvis la taŭgecon de esperanto. En la j. 1914 estis dro Pitlik elektita vicprezidanto de la tutaŭstria esp. kongreso en Franzensbad. Dum sia mondmilita militservo, li ĉie ekrilatiĝis kun lokaj esperantistoj, kiel helpprofesoro li gvidis kursojn por siaj lernantoj (Klatovy, Prostějov), helpante ankaŭ pliriĉiĝi la agadon de lokaj kluboj esp.



En la j. 1920 li kunhelpis je fondo al Ĉeĥoslovaka Asocio esp., 1921 organizis kiel ĝenerala sekretario la XIIIan Universalan kongreson en Praha. Depost 1922 li estas lektoro de Esp. ĉe la Politeknika Altlernejo en Praha, 1923 estis de li fondita Ĉs. esp. instituto, kies prezidanto li ĝis nun estas, 1927-28 li prezidis la Esp. klubon de Praha, 1931 ĉs. ministerio por instruado nomis lin ŝtata ekzamena komisaro de Esp. por komunumaj kaj burĝaj lernejoj en Bohemio. En la j. 1929 li reprezentis la registaron de ĈSR ĉe la XXIa en Budapest, en sama funkcio li ĉeestis la konferencojn en Ĝenevo kaj Venezia.

Krom la nomitaj funkcioj Dro Pitlik estas vicprezidanto de Ĉs. Asocio esperantista, kunredaktoro de ĝia « Bulteno », Lingva komitatano kaj delongtempa membro de UEA.

Multaj estas liaj priesperantaj artikoloj, kursoj kaj prelegoj, depost a j. 1908 efektivigitaj, multaj liaj intervenoj ĉe oficialaj kaj direktodonaj lokoj, celantaj helpi la esp. aferon aŭ plibonigi la socian staton de la samideanoj.

---

# Hungara Esperanto-Tago

Okazos 12-15 Aŭgusto en Budapest. Sama rabato fervoja kiel por la vizito de la skolta Jamboreo. La programo antaŭvidas:
Sabato 12-an de Aŭg.: Interkonatiĝa vespero sur la Insulo.
Dimanĉo 13-an de Aŭg.: Rigardo de la urbo. Posttagmeze ekskurso sur la Danubo, sekvata de Literatura Vespero.
Lundo 14-an de Aŭg.: Vizito de la Jamboreo.

Kotizo: 2.50 Peng. (½ Dolaro). Ĉiujn informojn de Hungarlanda Esperanto-Societo, Jokai tér 6. Budapest.

# Cseh-kursoj

## Nederlando

La 21-an de Junio malfermiĝis en la Esperanto-Domo en Arnhemo internacia kurso por la oficistaro de la P.T.T. La kurso okazas sub la protektado de la Direkcio de la Nederlanda P.T.T., kiu dissendis la koncernajn cirkulerojn tra la tuta mondo pere de la Universala Poŝta Unio en Bern.

La intereso por tiu ĉi kurso estas grandega. Ĝin partoprenas 118 personoj el Nederlando, Francujo, Svisujo, Hungarujo kaj Svedujo. Gvidas S-ro Cseh mem. La ĝenerala Direktoro de la Nederlanda P.T.T., S-ro Inĝ. M. H. Damme speciale venis al Arnhemo por ĉeesti parton de la kurso, dume ankaŭ persone ĉeestis la urbestro de Arnhemo, S-ro Mr. de Monchy, la Direktoro de la Poŝtoficejo, S-ro Rietema, la distrikta telefona Direktoro, S-ro Inĝ. Winkel kaj aliaj P.T.T. estroj. Denove Esperanto gajnis per la Cseh-metodo grandan venkon : la ĉeestantaj aŭtoritatuloj entuziasmiĝis pri la lingvo kaj la metodo.

La Cseh-Instituto ankaŭ akiris alian grandan sukceson. La filmkompanio « *Polygoon* » en Haarlem, kiu en Nederlando faras la konatajn « filmĵurnalojn » kiel ekz. « Paramount » kaj « Ufa » en aliaj landoj, filmigis parton de la kurso. Grava sukceso, ĉar post kelkaj monatoj centmiloj da homoj en Nederlando, Nederlanda Hindujo kaj aliaj landoj ne nur vidos la Esperanto-Domon, sed aŭdos Esperanto parolatan. Centoj da miloj vidos kaj aŭdos, ke Esperanto vivas kaj kreskas kaj taŭgas por la filmo parolanta.

Estas esperinde, ke la gvidantoj de nia movado en aliaj landoj ankaŭ klopodos en la sama direkto, ĉar en la nuna tempo la plej efika propaganda rimedo estas la filmo.

En la dua kurstago la Direktoro-Ĝeneralaj de laj Nederlanda P.T.T. kaj la supre jam nomitaj PTT-estroj vizitis la Esperanto-domon kaj kune kun siaj edzinoj partoprenis en lunĉo donita de la Cseh-Instituto je ilia honoro. En la lunĉo estis ankaŭ reprezentata la hungara Legacio el Hago per la legacia sekretario, S-ro Bartha kaj per la presa ataŝeo, S-ro Pollak.

Posttagmeze la kursanaro estis oficiale akceptata de la ĝenerala PTT Direktoro en la palaco de la Arnhema Telefoncentro. Post trarigardo de la aŭtomataj instalaĵoj, kaj maŝinoj sub gvidado de distrikta telefondirektoro, S-ro Inĝ. Winkel, Inĝ. Damme bonvenigis ĉiujn kaj faris surprize favoran paroladon pri la granda signifo kaj estonteco de Esperanto en la Internacia PTT servo. Li ankaŭ akcentis apud la praktika neceseco de Esperanto ĝian etikan valoron. Ankoraŭ paroladis reprezentantoj de la Svisa, franca kaj hungara poŝtligoj. Poste S-ro Mr. de Monchy skizis la motivojn, kiuj instigis lin disponigi al la Esperanto-Movado la belan « Esperanto-Domo »

Post la paroladoj la aŭtoritatuloj regalis la kursanaron.

Dum la kurso okazas ankaŭ kunveno de ILEPTO, kies honora prezidanto, Dr. E. Spielmann el Bern ĝenerala sekretario, S-ro R. J. Filliâtre el Parizo ankaŭ partoprenas en la kurso.

En la kurso regas granda entuziasmo, ĉar ĉiu partoprenanto estas konvinkita, ke la kurso estas grava mejloŝtono sur la venka vojo de Esperanto. (D.M.P.).

## Danlando

*Grenaa*. — Dum printempo, Dana Esperanto-Instituto aranĝis kelkajn Ĉe-metodajn kursojn en diversaj danaj urboj.

Unu okazis en Grenaa (c. 6000 loĝ.) kaj estis gvidita de D-ro A. Mildwurf, Vieno. Oni komencis kun propagandvespero la 20-an de Aprilo kun danlingva parolado de policestro Ege, Hobro, pri Esperanto kaj la pacmovado, lumbildparolado de D-ro Mildwurf pri *La Danubo de Passaŭ ĝis Vieno* (esperantlingve kun la delegito kiel tradukanto). Estis aranĝita sufiĉe bona ekspozicio de esperantaĵoj, flugfolioj k.t.p. En la ekspozicio estis speciala fako de UEA. Post la paroladoj oni varbis por la kurso kaj anoncis, kiam okazu la unua leciono, kiu ankaŭ samtempe estis senpaga provleciono. Ĝi okazis la 22-an, kaj enskribis sin 25 personoj. Estas interese, ke dum la kurso kreskis la nombro de gekursanoj preskaŭ ĝis la fino, kiam partoprenis 30 personoj. La gelernantoj estis tre viglaj, preskaŭ ĉiuj junuloj, kaj la kurso bonege sukcesis.

La 2-an de Junio okazis finfesto kun publika finleciono, kiu brile sukcesis. Post belaj adiaŭaj vortoj de D-ro Mildwurf oni fondis kaj inaŭguris « Grenaa Esperanto Klubo » n. Kelkaj gekursanoj parolis — inter aliaj parolis forte, kuraĝe kaj elegante esperantlingve juna lignisto (H. Bagger), kiu antaŭe tute ne sciis fremdan lingvon. Li esprimis sian dankon al D-ro Mildwurf kaj entute por la aranĝo de la kurso. Dum la sekvanta kafotablo oni kantis danajn kantojn esperantigitajn kaj amuzan kanteton en miksita lingvo faritan de kursanino. Fine oni dancis ĝis la nokto.

De meze de Majo oni intertempe aranĝis novan kurson por infanoj. La kurso bonsukcesas kun 16 partoprenantoj, sed estas ankoraŭ ne finita.

Antaŭ kaj dum la tuta tempo la loka gazetaro tre favore skribis pri nia afero, speciale post la propagandvespero kaj post la finfesto.

Del.

## Francujo

*Paris*. Solena finiĝo de la kursoj de Ges-roj Morariu kiun partoprenis ĉ. 100 personoj el Paris kaj Bois-Colombes. La lernintoj flue rerakontis historietojn, post unufoja rakonto de S-ro G. Warnier, prez. de Pariza Esp. Grupo.

50 studentinojn de la Komerca Altlernejo por Fraŭlinoj, kursanojn de s-ro T. Morariu, sukcese ekzamenis generalo Bastien kaj s-ro Warnier.

Post energia propagando dum la pariza foiro, komenciĝis nova kurso de T. Morariu en kvartalo Montmartre. La kurson regule sekvas 50 personoj, tre kontentiga nombro dum la varmegaj somermonatoj en la distroriĉa amuzkvartalo.

*St. Germain*. La kursanoj de S-ino Morariu esprimis sian dankon ĉe la kursfino per paroladoj, floroj kaj memoraĵo.

*Bois-Colombes*. Fondiĝis nova grupo post la kurso de S-ino Morariu. La grupo elektis ŝin kiel honoran prezidantinon.

*Dunkerque*. La Ĉe-kurso de Fraŭlino Saxl en Dunkerque havis grandan sukceson kaj havigis al la loka grupo multajn novajn membrojn. En Fourmies, la sindonema profesorino gvidis poste alian kurson, kaj la sukceso estis ankoraŭ pli granda. La Esperantista Grupo en Dunkerque decidis, denove inviti F-non Saxl , ŝi nun gvidas en tiu urbo daŭrigajn konversaciojn kaj faras paroladetojn por malnovaj esperantistoj. Ŝi partoprenos la regionan kongreson (1-2an de Julio) kaj estros tiuokaze lingvan konkurson.

# Bibliografia Servo de UEA

## Donacoj

De S-ro Ed. Stettler, prezidanto de UEA, 18 broŝuroj kaj aro da folioj el la epoko de la Delegacio kaj de Ido. — De S-ro Hans Jakob ekzemplero de serbo-kroata gramatiko de Esperanto, kompilita de Agor C. Agorić, Beograd 1925. — De S-ro H. Sentis, Grenoble, du ekzempleroj de kolekto de poezioj « En Montoj », en Esperanto reformita. Al la donacintoj koran dankon. Bibliografia Servo de UEA.

## Novaj libroj 1933

KIESERITZKY TH. U. FRITS LINDEN : *Esperanto-Lehrgang. I.* Eldonis Eldonejo Rapida Venko, Uppsala (Sved.) Presis Tierp 1933 Hugo Lõjdquists Tryckeri. 144 paĝoj, 12,5 × 20 cm. Prezo : 1.25 Frk. svis. (1933-21).

KAWAMOTO NOBUYUKI : *Pri praveco de uzo de fluida parafino por esplori spiradon de akvaj bestoj.* Reprinted from Annotationes Zoologicae Japonenses. Vol. 13, No. 5, December 10, 1932. 18,5 × 26 cm. 24 paĝoj. Prezo ne-montrita. (1933-22).

*** *Jarlibro de la Esperanto-Movado* 1933. 21-a Jaro. Universala Esperanto-Asocio, Genève. Presis Paul Göring, Magdeburg N. 9. 448 paĝoj. 11,5 × 16 cm. Prezo : 5.— Frk. sv. (Nur por Membroj de UEA). (1933-23).

BAGHY JULIO : *La Vagabondo kantas.* Simplaj versoj. Eldonis : Geamikoj de la aŭtoro. Presis Aleksandro Szalay, Budapest VIII. Tavaszmező- utca 1. 64 paĝoj. 11,5 × 16 cm. Prezo : 1.— Frk. sv. (1933-24).

ISHIGURO JOSHI H. : *Moderna Vortaro Japana-Esperanta.* Eldonis Taijoodoo Tokio. Ĉefdeponejo Kokusaigo-Kenkjuŝo. 784 Setagaya Nakahara, Tokio. 508 paĝoj, 7,5 × 14,5 cm. Prezo : 5.— Frk. svis. (1933-25).

GUTERMAN, MIECZWSLAW : *Pierwiastkowy Słownik Esperancko-Polski.* Eldonis Wydawnictwo Pomoc Szkolna Hawu, Warszawa, Presis Drukarnia Grafja, Warszawa. 214 paĝoj, 7 × 10,5 cm. Prezo : (Ne montrita). (1933-26).

P. LAKSMI NARASU : *Budao.* Komparita kun angla originalo de Okamoto-Joŝicugu. Esperantigis Takeiuci-Tookiĉi, laŭ japana traduko. Eldonita de la Tradukinto : Jamaŝiro-Maĉi, Iŝikauaken, Japan. 42-8 paĝoj, 11,5 × 15 cm. Prezo : 2.10 Frk. sv. (1933-27).

# Kroniko

## Brazilo

S-ro A. Couto Fernandes remalfermis la kurson de Esperanto ĉe la publika lernejo « Rodrigues Alves », antaŭ kelkaj jaroj permesitan de la Direktoro de l'Publika Instruado. En la 18a. de Majo, Tago de Bonvolo, liaj gelernantoj sendis salutan leteron al la infanoj en Kimrujo, pere de F-inoj Keiser, en Nederlando, korespondantinoj de la esperanta eldono de « La Junularo kaj la Mondpaco ».

En la Tago de Esperanto malfermiĝis du kursoj sub la aŭspicioj de Brazila Klubo Esperanto.

Unu el ili estas publika kaj senpaga kaj funkcias marde kaj vendrede ĉe la sidejo de la grava Asocio de Komercoficistoj sub la gvidado de D-ro Luiz Porto Carreiro Neto. Ĉe la malferma leciono, kiun ĉeestis ĉirkaŭ 50 personoj, reprezentiĝis la estraro de la Asocio kaj S-ro Ary Guimarães, Lernada Direktoro, diris al la gelernantoj kelkajn kuraĝigajn vortojn.

La alia kurso, kiun direktas D-ro Carlos Domingues, prezidanto de l'Klubo, estas speciala por la anoj de l'Unuiĝo de la Studentoj ĉe la Teknika-Komerca Lernejo. Preskaŭ ĉiuj enskribiĝis en la kurso.

En la sama tago Brazila Ligo Esperantista kune kun Radio Clube do Brasil organizis programon konsistantan el paroladoj, deklamado kaj kanto. La dissendado daŭris unu horon kaj finiĝis per la esperanta himno « La Espero ». Faris belegan paroladon generalo D-ro Moreira Guimarães, prezidanto de la Societo de Geografio, deklamis f-ino Maria Sabina kaj kantis f-inoj Dyla Curz kaj Olga Jacobina, kiu sin akompanis per gitaro, S-ino Jucyra de Albuquerque Lima kaj la konata tenoro Oscar Gonçalves. La dana esperantisto S-ro ing. Henry Jorgenson salutis la brazilan esperantistaron en la nomo de la fremdaj samideanoj.

## Ĉinujo

Ni represas sekvantan leteron ĵus ricevitan :

Shanghai, la 18an Majo, '33.

Karaj samideanoj :

Lasu min raporti al vi en kelkaj vortoj la fondon kaj la nunan staton de la nove-organizita Esperanta asocio en la orienta metropolo Ŝanhajo, kiu festis sian ekekzistiĝon antaŭ du monatoj. Internacia Esperanto-Asocio en Ŝhanghai, kiel ĝi estas sin nomata, supozeble povas doni rapidan akcelon kaj efikan instigon por la praktika plivigligo de la Esperanto movado en ĉi-tiu urbego.

Post la longtempa konsidero je ĝia bezono kaj sub la pacienca kaj entuziasma preparado de S-ro F. W. Ebner, S-ro M. A. Browne, kaj aliaj lokaj samideanoj, oni decidis fondi internacian Esperanto-asocion, kiu celas praktike uzi kaj agi en kaj por Esperanto. En la tago de la 29a de Marto, ni festis la fondon de nia asocio en Restoracio Dinty Moore, sub la prezido de S-ro Ebner. Tien venis 16 personoj, *ĉiu*, vere *ĉiu*, libere, pli aŭ malpli flue, parolis kaj diskutis en Esperanto. Antaŭ la komuna kantado de nia himno Espero je la ceremoni-fermiĝo, oni elektis la komitaton, kies anoj estas S-ro A. C. Chen, prez., S-ro M. A. Browne, vicprez., S-ro Thomas L. J., sekre., S-ro F. W. Ebner, kasisto, S-ro K. Furuja, kontr., kaj S-ro Kenĉ Lin kaj S-ro Pandiŝo, du aliaj komitatanoj.

Nia asocio progresas tre rapide. Post nur du monatoj, la nombro de nia membraro jam kreskas de 16 ĝis 42, el kiu 65 % da personoj estas *parolantaj* esperantistoj. Ĝis nun nia membraro ampleksas anojn de 7 diversaj nacioj, nome: hinoj, japanoj, angloj, austrianoj, danoj, latvianoj, kaj hindoj. Komprenebl̂e ĝi estas pli kaj pli diversnacieciĝanta.

Ni jam aranĝis radio-kurson, kiu komencis tuj post la stariĝo de la asocio. Ni ankaŭ preparas malfermi kurson per rekta metodo. El tiuj du kursoj ni certe fiŝos pli da membroj. Se nia kaso estos plena, ni eldonos gazeton.

Ĉiun vesperon de merkredo ni havas renkonto en la sidejo de la asocio, 317 Kiangsi Road, kie ĉiuj povas laŭplace interparoli, laŭdezire legi, aŭ serioze studi, ĉio en Esperanto. Kiel plivastigi Esperanton inter Ŝanhajanoj estas la ofta temo de nia babilado. Vera, agrabla, verda vespero !

Ĉiajn poŝtajojn oni estas petata sendi al P.O. Box 1871, Ŝhanghai, Hinujo.

Kun salutoj, Samideane via,

PANDIŜO.

*Internacia Esperanto Asocio Ŝanghai.*

## Portugalo

Invitita de Touring Club de Portugal, la ĉefdelegito de UEA paroladis en la sidejo de la klubo (Largo de Chiado 12-2° Lisboa) pri « *Esperanto servanta la turismon* ».

La prezidanto de Touring, D-ro Eduardo Neves prezentante la paroladanton, klasigis la helpan lingvon en la nombron de la necesaj progresajoj kaj diris esperi, post la parolado, pli firmigi sian opinion por plena helpa kunlaboro de la klubo al la movado.

La ĉefdelegito, S-ro Saldanha Carreira, klare argumentis pri la valoro de Esperanto laŭ la turisma vidpunkto ;

Priskribis la agadon de UEA kaj siajn intencojn pligrandigi la Portugalan teritorion, promesante je la nomo de Universala la plej grandan propagandon de Portugalujo, se tiu-ĉi, siavice, en la nuna malfacila momento, apogos la ideon Esperantan kaj ĝian disvolviĝon.

Longe parolis pri Budapest, pri la proksima Jamboreo, bedaŭrante la neapogon de la Registaro en la lernigo de Esperanto al la skoltoj.

Oportune montris la belajn diversajn afiŝojn de la Hungara foiro kaj disdonigis kune kun diversaj hungaraj turismaj presajoj la portugalan ŝlosilon, klarigante al la geĉeestantoj larespektivan uzadmanieron.

Lerte komparis sian agadon kiel Delegito en la propagando de la fremdaj valoroj, kun tiu de la fremdaj Delegitoj senĉese propagandigantaj ĉiujn portugalajn okazintajojn, kiel, ekzemple ĉi-tiun eniron de Esperanto en Touring Club de Portugalo, kiu sendube estos grandege ŝatata de la esperantistaro de la tuta mondo.

« Jen, geamikoj, ekkriis. Bonan taŭgan propagandon de lando UEA proponas per siaj turismaj servoj, per sia fidela, trafa organizajo.

Oni esperas gravan apogon de Touring-Club de Portugal al Esperanto. Ĉiuj jurnaloj raportis.




# Internacia Polica Ligo

## Oficiala Informilo

Nia altestimata Prezidanto S-ro Mouton komencis sian agadon per kontrakto pri eldono de propra liga fakorgano kun S-ro Deiss, estrarano de la Internacia Policeldonejo.

Tiu societo, fondita de landa-delegito por Francujo, S-ro A. Schwartz, kun kapitalo de 12.000 fr., estas esperantista entrepreno, celante, realigi eldonon de monata fakorgano « Internacia Polica Bulteno ». Administranta redaktoro estas S-ro A. Schwartz, Inspecteur de police spéciale, Strasbourg-Meinau, 10, Rue Engelhardt, kiu jam per cirkulero instigis la delegitaron al regula ensendado de informoj pri nia fakmovado.

La enhavo de Internacia Polica Bulteno estos jena : 1. teknikaj artikoloj (policteknika scienco, kriminologia ktp.) ; 2. krimaj okazintajoj (artikoloj pri la lastaj krimoj, krimaj manieroj, se eble kun fotografajoj) ; 3. oficialaj informoj de la I.P.L. kaj la lastaj sukcesoj de nia movado kun fotografajo de la grupoj ; 4. socia rubriko, pri profesiaj organizoj, sindikatoj, sociaj societoj kaj organizoj ; 5. informoj pri la Esperanto-movado kaj la lastaj sukcesoj de Esperanto, 6. anoncparto.

Ĉar la informoj estonte aperos nur en nia bulteno, estas nun nia devo, perigi ĝin al niaj liganoj kiuj pagis kotizon por ĉi tiu jaro kaj per tio estante abonantoj de « Esperanto » ĝis jarfino.

Nia ĉefkasisto A. Gräfe sciigis al mi, ke la kasenhavo antaŭvideble ebligos liveri la bultenon al nia liganaro sen plua pago.

Nia progreso, atingi propran bultenon, certe ne malhelpos nian interkonsenton kun U.E.A. pri reciproka interŝanĝo de servoj. Grandparto de niaj liganoj, estante jam depost multe da jaroj membro-abonantoj de U.E.A., daŭrigos tiun membrecon kaj restos por ĉiam fidelaj legantoj de « Esperanto ». Ni nepre bezonas ankaŭ venonte helpon de U.E.A. pere de ĝia delegitaro. Per tio ni petas ilin, laŭ eblece eltrovi ĉiujn esp. policanojn diverslandaj por sendi ties adresojn al nia ligadministracio. Nur per ĉi tiu kunhelpo ni povas atingi bonan sukceson.

Provekzemplero de Internacia Polica Bulteno havebla por unu respondkupono de Internacia Policeldonejo, redaktoro A. Schwartz, Strasbourg-Meinau, 10, Rue Engelhardt.

Nia altŝatata ligofrato A. Pohle, kiu cedis la oficon kiel ligredaktoro al ligofrato A. Schwartz, nun estas liberigita de la respondeco. Ni elkore dankas pri lia modela kaj oferema administracio de la ofico depost la fondo de nia ligo. Ni honoras lin, lasante la titolon « ligredaktoro », esperante, ke li afable disponu al ni plian kunlaboron.

Ĉiu landa- kaj loka-delegito, ĉiu ligano fidele plenumu sian devon, por ke nia Internacia Polica Ligo tre baldaŭ atingu la eminentecon kiun ĝi meritas kiel internacia organizajo.

*P. Teuchner*, Admin. Direktoro.



Tour de l'Ile
Sidejo de UEA

## Universala Esperanto-Asocio

Centra Oficejo: 1, Tour de l'Ile, Genève

## Oficiala Informilo

N-ro 29

Administra jaro 1933: Julio 1933.

Bankkonto:
Société de Banque Suisse
(Schweizerischer Bankverein). Genève.
*Svisa Poŝtĉeko* : Genève I. 2310.

*Adreso.* — Delegito de UEA. Docteur Michel J. Bouillat, médecin-inspecteur de la province de Fianarantsoa. Fianarantsoa (Madagascar) ĝis komenco de 1934 en Eŭropo : 6 *bis* rue de Châteaudun, *Paris 9a*.

*Finnlanda teritorio.* — Pro la eksiĝo de S-ro Jalava kiel ĉefdelegito la Komisiono de UEA elektis laŭ propono de enlanda Komitatano S-ro Vilho Setälä *F-inon Elmi Tamminen* kiel ĈD-inon.

*Mondvojaĝantoj.* — La kreskanta senlaboreco inter la esperantistoj naskigis novan aperajon, nome la epidemion de la mondvojaĝantoj. Bone notu, ne temas pri vojaĝoj organizitaj kaj kun certa celo, sub kontrolo de esp. organizaĵoj, sed pri tiaj de esperantistoj senokupaj. Ĝenerale ili estas bone akceptataj de la Delegitoj, kiel pruvas ricevitaj dankesprimoj. Tamen alvenas ankaŭ plendoj. Pri unu ni rilatas tie ĉi : Plendis energie du anoj de UEA pri konduto netolerebla de S-ro Ludwig Braun el Oberkirch (German. Baden). Tiu ĉi S-ro venas vespere al esperantistoj, postulante noktigon kaj helpon en maniero absolute ne konvena. Li estas ano de UEA 39548 (aliĝinta supozeble precize antaŭ forvojaĝo al eksterlando). Utilajn informojn pri li oni sendu al la Centra Oficejo de UEA, por ke ĝi povu fari la neceson.

*Stabo de UEA.* — La stabo de la Centra Oficejo konsistas nun :

Direktoro : Hans Jakob-Notz ;
Kasistino : F-ino Joséphine Damon Pichat.
Oficistoj : Alfred Rehmann : F-ino Renée Rivollet.

*Statistiko.* — Je la fino de Junio 1933 la Centra Kaso registris kotizojn: 283 Helpmembroj, 2160 Membroj 3294, Membro-abonantoj kaj 497 Subtenantoj. Sume 6234 kotizoj. (1932 je sama epoko : 7284).

*Subtenantoj de UEA* 1933. — Bonvolis aliĝi kiel Subtenantoj por 1933 la jenaj samideanoj : sinceran dankon al ili.

*Kvina listo :*

451. Pastro Th. Degen, Sembach
452. S-ro A. Granchamp, Annemasse.
453. S-ro R. Jenni, Solothurn.
454. S-ro D. Thomas, Cardiff.
455. S-ro E. Schweingruber, Orléans.
456. S-ino Poncet, Bourg-en-B.
457. S-ino A. Farges, Lyon.
458. S-ro S. Farges, Lyon.
459. S-ro Ch. Brunet, Bordeaux.
460. S-ro Wu-Ta-Kwong, Kanton.
461. D-ro Won Kenn, Kanton.
462. S-ino Won Kenn, Kanton.
463. S-ro Ŝu Kon Jung, Kanton.
464. S-ro Brok Li Lok, Kanton.
465. S-ro Li-Da-Jung, Kanton.
466. S-ro Tang-Yang-Hui, Kanton.
467. S-ro Li Dak Fey, Kanton.
468. S-ro Fred Hoebe, Horni Litvinov.
469. S-ro Fr. Skulina, Boconowice.
470. S-ro H. Kesik, Bratislava.
471. D-ro Dav. Balasz, Košice.
472. S-ro Rud. Hromada, Praha.
473. D-ro Dolak, Spišske Vlachy.
474. S-ro S. J. Pan, Kweisui.
475. S-ro H. Y. Lih, Kweisui.
476. S-ro Ch. Roden Buxton, London.
477. F-ino A. G. Brouwer, Hago.
478. S-ro S. Kon, Plock.
479. D-ro Kochuzawski, Warzzawa.
480. S-ro J. Szyman, Postawy.
481. S-ro Hon. Bonnevie, Oslo.
482. S-ino Tissot-Martin, Basel.
483. S-ro Loewenstamm, Berlin.
484. D-ro Webster, Dannemora.
485. S-ro W. Phillimore, Wandsworth.
486. G. Bontemps, Colombes.
487. F-ino J. Damon, Genève.
488. S-ro René Baillod, Dinard.
489. S-ro Kr. Cirulis, Ventspils.
490. S-ro M. Deas, Beaufort-West.
491. S-ro U. Deguĉi, Kameoka.
492. S-ro K. Gorter, Rotterdam.
493. S-ro J. Tichawski, Katowice.
494. S-ino J. Neuberg, Krakow
495. D-ro L. Rosenstock, Krakow.
496. Prof. D-ro Bujwid, Krakow.
497. S-ro Jan Szwiertnia, Raj.

---

# Pri la 25-a Kongreso

## Respondo de la L.K.K.

*En la antaŭa numero de ESPERANTO ni komunikis la leteron de la prezidanto de UEA al la LKK en Kolonjo. (Vidu paĝon 98.) Intertempe venis la respondo de LKK, kiu, kvankam ĝi ne traktas demandon post demando fariitaj, povas esti konsiderata kiel sufiĉa garantio pri la okazigo de la kongreso. La Komitato de UEA, demandila per cirkulero la 17an de Julio, voĉdonis por la okazigo de la UEA kongreso kun la universala en Köln. La Delegitoj estis informitaj pri tio. Ni represas la respondon de la LKK al S-ro Ed. Stettler. (Red.)*




**ADRESO : TRAJANSTRASSE, 25, KÖLN**

Resp. al via let. en N-ro 5/6 de « *Esperanto* ». Kolonjo, 23.6.1933.

Sinjoro Ed. Stettler,
*Prezidanto de UEA, Bundesgasse 16, Bern.*

Tre estimata samideano,

Kiam meze de Majo ni ricevis vian leteron, ni mem estis konvinkitaj, ke la kongreso povos okazi laŭtradicie, ĉar dum la tuta tempo ni konstante kaj sen iaj malhelpoj laboris — en kontakto kun la urba administracio — por plejeble bona preparo de la kongreso. Sed ni opiniis, ke multe pli valora ol simpla respondo de LKK estos por niaj samideanoj deklaro de oficiala aŭtoritato.

Ni do klopodis tiucele kaj hodiaŭ povas prezenti al vi telegraman respondon al ICK de la ĉefurbestro de Kolonjo mem. Ĝi tekstas :

Esperantocentro Genève.
Via ekspresletero dektria punkto por okazigo esperanto mondkongreso en Kolonjo neniaj kontraŭstaraj konsideroj punkto timo pri malfacilaĵoj aŭ ĝeno al invititaj eksterlandaj gastoj tute senbaza pro absolute ordigitaj internaj cirkonstancoj de tuta germanlando punkto Komisaria ĉefurbestro de la urbo Kolonjo.

Tiu oficiala deklaro forigas la lastajn dubojn. Ĝi klare respondas viajn diversajn demandojn pri eventalaj malfacilaĵoj per la certigo, ke la kongreso povos okazi *sen malfacilaĵoj aŭ ĝeno*. Krome la telegramo eksplicite nomas kongresojn « *invititaj eksterlandaj gastoj* » kaj per tiuj vortoj nemiskompreneble esprimas, ke niaj samideanoj estos bonvenaj en la metropolo rejnlanda.

Ni volas uzi la nunan okazon, por direkti kelkajn vortojn al la samideanaro diverslanda. La IKK faris ĉion, por agrabligi al ĉiuj la restadon en la nunjara ĉefurbo de Esperantujo. En la lastaj monatoj niaj laboroj haltis eĉ ne unu tagon, kaj kun sama zorgemo ni ankoraŭ uzos la semajnojn ĝis la kongreso, por plenumi la lastajn preparojn. Kune kun ni fervore laboras la membroj de la diversaj Kolonjaj grupoj, por atingi plej bonan rezulton.

Unu el la plej belaj kongresejoj estos je nia dispono, Moderna domego kun ĉiuspecaj ĉambroj, salonoj kaj haloj estas preta por akcepti niajn kunsidojn. Ĉirkaŭ ĝi belegaj ĝardenaĵoj invitas al promenoj aŭ ripozo post streĉita laboro. Kaj sur la alia flanko de l'Rejno logas al vizitoj la malnova urbo kun sia katedralo, siaj multaj vidindaĵoj kaj sia loĝantaro komprenema kaj bonhumora.

Ekstreme grava estos nia nunjara *Jubilea Kongreso* ; grava por la movado tutmonda, same grava por la movado de la kongreslando. La organiza problemo kaj la 25-a jubileo de UEA estas la du polusoj, ĉirkaŭ kiuj grupiĝos amaso da aliaj demandoj, sugestoj kaj proponoj.

Ĉiuj kondiĉoj por bona sukceso ekzistas ; estas nun via tasko, karaj samideanoj, subteni nin per multnombra aliĝo, por ke la jubilea kongreso fariĝu brila manifestacio de nia movado !

Kun plej samideanaj salutoj.

Por la 25-a Universala Kongreso.
M. Gernsbacher, afergvidantino.
W. Wingen, sekretario.

# Esperantista vivo

### Naskiĝoj

*** Al ges-roj Paŭlo Balkányi, ĉefdel. de UEA kaj repr. de Skolta E-Ligo por Hungarujo, la dua fileto Emeriko, 16.5.33.

*** Al ges-oj Ch. Vander Veken, Eeckeren, Belgujo, filineto Hilda, 1.5.33.

### Fianĉiĝo

*** S-ro Roberto Strasser, membro de UEA 38756, en Mulhouse Francujo, kun f-ino Maria Chr. Melis, membrino de UEA 35487, en Leeuwarden, Nederlando, post interkonatiĝo ĉe la XXIV-a Kongreso en Parizo.

### Edziĝoj

S-ro Martin Novosad, ano de UEA 36876 en Trnava kun f-ino Azraela von Laban, anino 31681 en Bratislava. 1 Aprilo 1933.

*** S-ro Sjef Stalpers, Del de UEA kun f-ino Marie van Mierlo en Helmond, Nederlando, 4 julio 1933, estonta adreso Eindhoven (Woensel).

*** S-ro Eugen Seghers, Del en Mortsel, Belgujo, kun f-ino Lea Maes, 29.4.33.

*** S-ro Louis Schoutens, membro de UEA 37350, kun f-ino Marie van Lammeren, membrino de UEA 38443, en Amsterdam, 18 majo 1933; estonta loĝejo en Nederlanda Hindujo.

*** S-ro Rodolphe Couppez, membro de UEA 38214, kun f-ino Yvonne Bouny, en Bruxelles-Ixelles, 20 majo 1933.

### Jubileo

*** S-ro Ferdinand Kaulfers en Maffersdorf, Bohemujo, solenis la 6.6.33. la 70-an datrevenon de sia naskiĝtago. Li estas la fondinto de la Esp. movado en Norda Bohemujo kaj jam longjara Delegito de UEA. Malgraŭ siaj jaroj li estas ĉiam fervorega ano de nia movado. Delegacio de la germana esp. grupo en Reichenberg vizitis kaj honoris lin konvene.

### Honorigo

*** S-ro Prof. Bruno Migliorini, malnova amiko kaj eksdelegito de UEA en Romo, redaktoro ĉe fama « Enciclopedia Italiana », estis elektita de l' ŝtata konsilantaro de kantono Friburgo (Svislando) kiel profesoro por romanaj lingvoj kaj literaturo al la Universitato en urbo Friburgo. Ni kore gratulas nian eminentan samideanon kaj deziras al li fruktodonan agadon kaj agrablan restadon.

---

# Korespondado

*Interŝanĝo de objektoj*

*Mallongigoj:* L-letero; PK-poŝtkarto; PI-poŝtkarto ilustr.; bfl.-poŝtmarko sur bildflanko; PM-poŝtmarkoj; Gaz.-gazeto; k.ĉ.l. kun ĉiuj landoj; C.r.-certe respondos.

*Cluj* (Rumanio). — S-ro Francisko Jakab, Transilv. Calea Feleacului 8, L. pri grafologio.

*Collonges-s.-Salève* (Francujo). — S-ro Rob. Rogister, 17 jara studento deziras korespondi kun angla kaj hispana samaĝaj student-in-oj. Respondas almenaŭ unufoje.

*Courtrai* (Belgujo). — S-ro Rombouts, 9 ave. Mgr. Be Haerne, 100 belgajn PM kun samkvanto aŭ laŭ Yvert.

*Hiroŝima* (Japanujo). — S-ro Okumura-Rinzo, ĉe Pesiono de Hiroŝima Pedagogia Kolegio; PI-bfl, k.ĉ.l., C.r.

*Ivry-sur-Seine* (Francujo). — S-ro Buisson, 15 Colonie Alexandre, PM kun Eŭropo kaj Ameriko.

*Larache* (Maroko). — S-ro Aniceto Morales, oficisto de la FLA., Estación del Mensah, L. PI. kun fraŭlinoj. C.r.

*Melo* (Urugvajo). — S-ro Emilio Martinez, k.ĉ.l.

*Mercedes* (Urugvajo). — F-ino Alicia Guastavino Centurión. strato 18 de Julio, 70. — L., PI., PM.

*Moletai* (Litovujo, Videniŝkiai). — S-ro J. Svilainis. L. PI., interŝanĝo de poŝtmarkoj kaj gazetoj ilustritaj.

*Montevideo* (Urugvajo). — S-ro Alberto de Biagi, Strato Vázquez, 1038. L., PI., PM.

*Montevideo* (Urugvajo). — S-ro James Schnoerr, strato A. Lamas, 3839. L., PI., PM.

*Nueva Helvecia* (Urugvajo). — S-ro Alfredo Wohlvend. PI., k.ĉ.l.

*Paso de los Toros* (Urugvajo). — F-ino Dimas Neves. Rio Negro. L. PI.

*Rethel* (Francland o). — S-ro Pierre Verreaux deziras korespondi kun la tuta mondo. PM. kaj PK. C.r.

*Rivera* (Urugvajo). — S-ro Mario Prestinari, « Cooperativa Santannense », L., PI., PM.

*Sapporo* (Japanujo). — S-ro Kusuo Acumi, Inĝeniero de Agrikultura Eksperimentejo, Kita 7, Niŝi 20, pri agrikulturo, precipe hortikulturo.

# Petoj kaj Proponoj

*INTERNACIA KOMERCO*

---

*Alilandaj Esperantistoj kaj Kongresanoj.* Kiam vi vojaĝos tra Strasburgo, ne forgesu veni al mia giĉeto, Poŝtoficejo Strasbourg — Place de la Gare- kaj enskribi vin en mian libreton, per kiu mi povos pruvi al mia Administracio, ke Esperanto estas necesa por la PTT-istoj. Bonega propagando! Erica Dietz, poŝtoficistino.

*Ekspozicio.* — Ĉu iam vi aŭdis ion pri la « Reĝino de Nigra maro ». Ĉu iam vi legis ion pri la ĉarma marbordo, sur kiu belege estas situita la granda urbo de Bulgario— *Varna*? Ĉu iu iam rakontis al vi pri la poeziaj lunaj noktoj mirinde belaj sunleviĝoj apud Varna?

En tiun ĉi urbon somere venas miloj da bangastoj el ĉiuj landoj profiti la bonefikajn mar' kaj sablobanojn kaj ĝui la ĉarmajn ĉirkaŭaĵojn de la urbo.

Por fari propagandon inter la fremdularo, la Esperantista Societo « *Albatro* » en Varna decidis je la fino de m. Julio n.j. aranĝi unu *Grandan Ekspozicion* de le *Esperanto-Libro*, pro kiu celo la Societo tutkore petas la tutmondan esperantistaron helpi tiun ĉi iniciaton, sendonte esperantajn librojn, revuojn, gazetojn, prospektojn diversajn, fotografaĵojn, bildojn k.t.p. Ĉio estas kun tutkora danko akceptota.

Gesamideanoj el la tutmondo, helpu tiun ĉi grandan entreprenon! Ĉion sendu al: *Esperantista Societo « Albatro »* (Esperanto-ekspozicio) — *Varna. Bulgario.*

*Esperanto glumarkoj* 12 diverskoloraj kun bildoj el Ameriko, Azio, Eŭropo kaj Afriko pri la propagandvojaĝo por Esperanto de Edmund Zscheile, oni povas havigi kontraŭ unu respondkupono. Mendu ĝin, ĉar la kvanto estas malgranda. Skribu al S-ro Tadros Migalli, Del. de UEA, *Fayum*, Egiptujo.

*Interŝanĝo de gastoj:* Ni proponas gastigi s-anojn eksterlandajn (ne el Germanujo, Anglujo, Francujo kaj Belgio) kiuj kompense gastigos nin. Skribu al W.P. Roelofs, del. de UEA. Dalweg 6, Soest, Nederlando.

*Instruado de Esperanto.* — S-ro Gérard, profesoro en la kolegio de Chalons-sur-Marne, Francujo, deziras ricevi informojn pri 12-17 jarulaj instruejoj, kie Esperanto estas instruata. Tio demando ne valoras por angla-germana- kaj ruslingva landoj.

*Instruado.* — Germana instruisto 33 jara, senoficigiita pro liberpenso, kun ekzamenoj en angla, franca lingvoj, parolante krome hispanan kaj Esperanton, komprenante itale, holande kaj latine, instruante pianon, violonon, orgenon, dum 15 monatoj direktoro de duagrada lernejo germana en Hispanujo, konante 13 eŭropajn ŝtatojn- *serĉas* — ian okupon en eksterlando, prefere kiel privatinstruisto, vojaĝakompananto aŭ oficisto en vojaĝoficejo aŭ ion similan. Trionon de la unua monata salajro kiel rekompenson al peranto. E. Finkler, Adalberststrasse 7, *Herne i. W.* (Germanujo).

*Misiuloj ĉiulandaj!* Sendu interesajn artikolojn pri viaj misiaj laboroj (ev. kun fotoj kontraŭ rekomp.) por enpresiĝo en ĉeĥoslov. jurnaloj al « Ligo de katolikaj esperantistoj en Ĉ.S.R. ». Praha-Brevnov 514. Ĉeĥoslovakujo.

*Mnemonika metodo de Prof. Fajnŝtejn, Vilno.* Sciigojn pri faritaj spertoj kaj rezultoj de tiu metodo deziras s-ino H. Ith, 79, rue de la Servette, Genève, Svislando.

*Ofico.* — Sperta kemisto-koloristo, pro tutmonda krizo baldaŭ senofica, serĉas konvenan okupon. Multjara ĉef-inĝeniero en unuarangaj fabrikoj germanaj kaj bohemaj; energia, laborema, fidinda. Ĉiuspecaj presaĵoj (per manoj au maŝinoj — Perrotine, Rouleaux), sur lano, duonlano, silko, duonsilko, arta silko, kotono k.t.pl. standardoj, tukoj, Indanthren. Scias lingvojn: germana, itala, angla, ĉeĥa, rusa, esperanta. Ofertojn petas: Direktoro F. Schwarz, Maffersdorf 232, Bohemujo, Ĉ.S.R. ».

*Skoltoj:* Mi gvidis esp. kurson al 12 skoltestroj, kiuj nun instruos siajn knabskoltojn; ili havas jam interrilatojn kun hungaraj kaj svedaj skoltoj. Se skoltoj el aliaj landoj dezirus korespondi kun Parizaj skoltfratoj, ili skribu al F-ino Gerard, 9 rue d'Armaillé, Paris XVII<sup>e</sup>.

Antaŭ ol partopreni Jamboreon en Gödöllő, Maurice Lieber (1, rue du Platre, Lyon, Francujo) deziras leterrilati kun renkontigontaj Skoltoj per Esperanto.

*Tolaĵoj.* — La firmo « Schlesische Wäsche-Werkstätten Carl Langenscheid », Bad Warmbrunn, German., anoncas nunjare la unuan fojon en la Jarlibro. (Vidu pĝ. 263 kaj 378). La firmo vendas en-kaj eksterlanden tolaĵon, ŝtofojn kaj la plej diversajn vestojn, do varojn, sen kiuj neniu homo, ĉu virino aŭ viro povas vivi. Pro tio postulu senpagan detalan oferton kun ŝtofspecimeno. Plue atentu, ke la firmo ne nur vendas sed ankaŭ aĉetas. La plej multaj anoncantoj nur volas vendi, sed jen firmo kiu ankaŭ aĉetas, pro tio konatiĝu la adreson al interesigantaj fabrikantoj. De via agado dependos, ĉu estontjare la firmo reanoncos en Jarlibro, do — skribu kaj postulu. Skribu en Esperanto. (Delegito de UEA.)

*Pacamikoj Francaj* en *Lyon*, Dezirantaj adopti kiel fratinan urbon, « Bonn » petas adresojn de Germanaj Grupoj ĉu en Bonn, ĉu en la regiono Bonn-Köln por tiacele interrilatiĝi. Sin turni al S-ino M. Borel Franca Sekr. de U.D.V. 1 Quai Claude-Bernard, Lyon.

# INTERNACIA PERFEKTIGA KURSO

**ARNHEM, 24-29 JULIO 1933.**

La kurson gvidos *Andreo Cseh* laŭ speciala sistemo kajkun aplikado de helpiloj, disponigotaj al la kursanoj.

La lecionoj okazos ĉiutage en 4 horoj (matene de la 9-a ĝis la 1-a). En la vesperoj estos **instruaj prelegoj** (pri la historio kaj organizo de la Esp-movado, pri la Esp-a literaturo k.t.p.) kaj **amuzaj aranĝoj.**

La kurso okazos en internacia kunestado kaj tio ebligos la plej efican praktikon ekzercadon de la lingvo. Por tio servas speciale la posttagmezaj komunaj **ekskursoj**.

Partopreno en ĉi tiu kurso estas tre rekomendata al personoj, kiuj **preparas sin al ekzamenoj kaj al gvidantoj de daŭrigaj kursoj. Ili povos** ĉerpi utilajn spertojn kaj konsilojn.

**Kotizo** por ĉiuj lecionoj, prelegoj kaj amuzaj aranĝoj : 6.— guld.

**Favoroj**: Malriĉaj partoprenantoj povas ricevi helpon.

*Bonvolu legi la informojn malsupre.*

# INTERNACIA KURSO POR KOMENCANTOJ

**ARNHEM, 7-17 AŬGUSTO 1933.**

La kurso, gvidota de *Andreo Cseh,* daŭros dum 10 labortagoj, kun 4 instruhoroj ĉiutage. La lecionoj okazos matene de la 9-a horo ĝis la 1-a horo. En la posttagmezoj estos plezuraj kaj studaj **ekskursoj.** En la vesperoj okazos alterne **amuzaj kaj seriozaj kunvenoj** kun prelegoj kaj lumbildparoladoj.

En la kurso partopreni povas ĉiu persono, kiu ankoraŭ ne scias Esperanton, kaj ankaŭ malnovaj Esperantistoj, kiuj deziras studi la kursmetodon.

**Kotizo** por la kurso kaj ĉiuj aranĝoj alligitaj: 10.— ned. guld.

**Premio** : Tiuj personoj, kiuj varbas tri neesperantistajn kursanojn, povas partopreni ne pagante kotizon.

**Favoroj** : Malriĉaj partoprenantoj povas ricevi helpon.

**Grave !** Oni bonvolu diskonigi la suprajn informojn en la *nacia gazetaro,* precipe en la *instruistaj gazetoj* kaj fervore varbi kursanojn, por ke la kurso estu kiel eble plej internacia kaj ke edukiĝu multaj novaj instruistoj de Esperanto. (Ni antaŭdankas pro afable alsendotaj gazet-numeroj kun la koncerna artikolo.)

*Bonvolu legi la informojn malsupre.*

# SEMINARIO POR CSEH-METODAJ INSTRUISTOJ

**ARNHEM, 7-17 AŬGUSTO 1933.**

Partopreni povas ĉiu persono, kiu estas aŭ deziras esti gvidanto de Cseh-metodaj kursoj. La programo de la Seminario estas :

a) *Prelegoj de Andreo Cseh pri sia kurs-sistemo, pri la principoj de la metodo kaj la tekniko de la aplikado.*
b) *Konsiloj al instruantoj.*
c) *Praktikaj prov-ekzemploj.*
ĉ) *Raportado de diverslandaj instruistoj pri siaj spertoj.*
d) *Diskutado.*
e) *Provlecionoj de partoprenantoj.*

La prelegoj de la Seminario okazos en la posttagmezoj kaj vesperoj, alterne kun ekskursoj.

**Kotizo** por la Seminario kaj ĉiuj alligitaj aranĝoj : 5.— guld.

**Komuna kotizo** por la seminario kaj komenca kurso : nur 12.50 guld.

**Favoroj** : Malriĉaj partoprenantoj povas ricevi helpon.

*Bonvolu legi la informojn malsupre.*

# INFORMOJ:

Ĉiuj kursoj, prelegoj kaj amuzaj aranĝoj okazos en la Esperanto-Domo.

La kursanoj povos loĝi en la **hotelo de la Esperanto-Domo**, kie speciala *favorpreza plena pensiono* (komforta ĉambro kun fluanta akvo kaj la tri manĝoj) kostas por unu tago kaj unu persono : en unu-lita ĉambro 4.—, en du- ĝis kvar-lita ĉambro 3.50, en kvin-ĝis dek-lita ĉambro 3.— guldenojn. (La litoj estas apartigitaj per ŝirmiloj). Servmono : 10 %.

Aliĝante oni sendu la kotizon kaj mendu la hotelon, pagante la pension-prezon por almenaŭ 2 tagoj.

**Adreso** por aliĝoj kaj informpetoj : *Internacia Cseh-Instituto de Esperanto, Oostduinlaan* 32, *DEN HAAG, Nederlando.* (*Telefono* : 116720. *Poŝtĉekkonto* : *Den Haag* 162626.)

Estas konsilinde **baldaŭ aliĝi**, ĉar la nombro de la partoprenantoj kaj de la loĝlokoj en la Esperanto-Domo estas limigita.

**Personoj, kiuj deziras partopreni en la supre nomitaj kursoj, sed pro la krizo havas ekonomiajn malfacilaĵojn, turnu sin kun fido al la Cseh-Instituto, kiu klopodos fari por ili faciligojn.**

**Pluraj partoprenantoj povos ricevi helpon el la De Gorter-fondo. Ĉe la disdonado de la subvencioj estos preferataj tiuj petantoj, kiuj al sia peto aldonas rekomendleteron de sia Esperantista organizaĵo.**

**BERICHTE ZUR KULTUR - u. ZEITGESCHICHTE**
**Herausgeber (Eldonanto) Nikolao Hovorka, Wien.**
Germanlingva revuo 17,5 cm. × 15 cm. 64-80 paĝoj, objektive kaj neŭtrale informanta pri spirita kaj intelekta vivo tutmonda, Kritika ekzameno de ĉiuj aperaĵoj en intelekta vivo, tekniko, politiko, liberaj kajeroj, 1000 paĝoj jare k.t.p.
Jara abono : fr. sv. 9,50. **Redakcio kaj administracio: REINHOLD VERLAG**
**Wien IX, Löblichgasse 7. Abonebla pere de la Gazetabona Servo de UEA, Tour de l'Ile, 1, Genève**

# La Jubileo de UEA 1908-1933

Estimataj Samideanoj, karaj Samasocianoj!

La kongreso de UEA, okazonta kun la 25a Universala kongreso de Esperanto en la bela urbo Köln, donos al ni la okazon, festi en modesta, tamen inda kaj impresa formo la **25jaran jubileon de nia Asocio.** Ni invitas pro tiu kaŭzo niajn membrojn kaj amikojn kore kaj sincere, veni al Köln kaj partopreni la aranĝojn, kiujn ni interkonsente kun la LKK de la 25a enmetas en la kongresan programon:

*Festkunsido de UEA Merkredon, la 2an de Aŭgusto, je la 10a atm.*, (festparolado, honorigoj ktp.),

*Ĝardenfesto kun koncerto kaj surprizaĵoj, Merkredon, je la 20-a*, (ĉe malbona vetero en salonego).

Detaloj estos konigataj al la Kongresanoj ĉe ilia alveno en Köln. Krome ni invitas al

*Printempa kunveno de UEA, Merkredon je la 17a*,

kie estos donota la jarraporto de la Direktoro kaj diskutata la ĝisnuna kaj estonta agado de nia Asocio.

Niajn aranĝojn rajtas partopreni *ĉiuj kongresanoj*, kaj ni esperas, ke ĉe la jubileo de la *ĝisnuna* UEA per senescepta ĉeesto de ĉiuj pruviĝas la estonta karaktero de nia Asocio kiel *la* organizaĵo de la Esperanto-Movado laŭ la plano de Genève en harmonia, konkorda kunesto, kunfesto kaj kunlaboro!

Ĝis revido en Köln!

*La Komisiono de UEA.*


## Jen amaso da bonaj opinioj

alvenintaj pri la unua libro de AELA. Ni ĉerpas el ili kelkajn

...Mi certe povas diri, ke la aspekto de la libro estas bonega... nun post apero de la unua libro oni povas rikolti multajn membrojn.
*C. Goldsmith, sekr. B. E. A.*

...Pri la sendado de AELA-libroj mi devas konfesi, ke ĝi estas zorge farita kaj la libroj plene kontentigas nin, eĉ superas ĉion, kion atendis...
*Generalo Jan Rambousek, České-Budejovice.*

...Hungara Antologio estas impona verko...
*H. Halldor, sekr. de Elldona Societo Esp. Stockholm.*

....Hungara Antologio aspektas tre bele kaj estas kontentige bindita.
*Walter Lippmann, Akademiano, Leipzig.*

Mi ricevis la elegantan kaj plaĉe aspektantan volumon « Hungara Antologio ».
*Eŭgenia Morariu, Cluj.*

Mi ricevis « Hungaran Antologion ». Mi ne povas deteni min esprimi al vi mian ĝojon. Ĝi estas libro belaspekta, elegante bindita, kaj bonege presita. Mi do tre dankas al vi : mi kontentas esti ano de AELA kaj ne povas kompreni kial ne ĉiuj esperantistoj jam aniĝis... Vivu AELA kaj mil gratulojn.
*G. Saget, Elbeuf.*

La prijuĝo de la kompetentaj esperantistoj certe komprenigos al vi kaj

**decidigos Vin** pri tio, ke via devo al vi mem estas **aliĝi al la AELA** Post pago de la unua parto de **4 sv. fr.** kaj sendkostoj vi tuj ricevos la « imponan verkon »

# Hungara Antologio

(Ordinara prezo sv. frankoj 12.— + 10 % sendkostoj)

Postulu tuj specialan prospekton de

**Literatura Mondo (ASOCIO DE ESPERANTISTAJ LIBRO-AMIKOJ)**
**Hungarujo, Budapest, IX., Mester uoca 53, V. 7.**


L'IMPRIMEUR-GÉRANT : A. GRANCHAMP, 2, RUE DES USINES, ANNEMASSE.- 466-7-33.